Va JARO — No 56

6 PAĜOJ : 6 Spesdekoj (15 Centimoj)

5 JUNIO 1909

DIREKTORO :
Hector HODLER

ABONO

Jara Abono : 1,60 S (4 frankoj)

La abonoj komenciĝas de la a de ĉiu monato. Oni akceptas nur unujarajn abonojn. Oni abonas ĉe la Administrejo, Esperanto-Oficejoj kaj lokaj Agentoj.

Redaktejo & Administrejo :
8, rue Bovy-Lysberg, 8
GENÈVE (Svisujo)

# ESPERANTO

OFICIALA ORGANO
DE
UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

Duonmonata Internacia Gazeto

DIREKTORO :
Hector HODLER

AMO

1 pag. [illegible] 160 S (400 fr.)
1 kol. [illegible] 32 » ( 80 fr.)
1/2 » 16 » ( 40 fr.)
1/4 » 8 » ( 20 fr.)
1/8 » 4 » ( 10 fr.)
1/16 » 2 » ( 5 fr.)

Ĝeneralaj Agentoj ; Presejo DEVICHI, *Chalon-s-Saône* (Francujo) ; G. WARNIER, 15, rue Montmartre, *Paris* ; C.-A.-G. BROWNE, 51, Wych Str., *London*; W. C. ; KOETZ, Rathausstr.. *Leipzig*.

# NIA AGADO

II

Ni penis difini (1) en kiaj kondiĉoj evas esti plenumata agado, por ke ĝi ovu konduki movadon al daŭra sukeso. Ni provu nun vidi, ĉu nia movado, Esperantismo, favore respondas tiujn ondiĉojn kaj kiujn mankojn ni povas onstati.

Ĉu nia movado venis ĝustatempe? ion ni ĉiuj scias, ni ĝin senĉese ripetas n niaj propagandiloj, kaj ni pri tio estas rofunde konvinkitaj, ne per teoriaj pripensoj, sed precipe per faktoj nekonteseblaj. Grandege kreskis lastatempe la materialaj rilatoj inter la popoloj de civilizita terglobo : el tiu interkomuniĝo — ĉar materiala fakto ne okazas sen konsekvenco en la morala kampo — rezultis kreskanta sento pri solidareco inter diversgentanoj. Dum jarcentoj la igardo de l'homo, liaj pensoj, liaj aspioj, lia penado, ne celis trans la limoj de la patrujo, kaj nun ekvenis la tempo, iam pro la progreso de la materialaj interpopolaj rilatoj, komencis kraki baoj jarcentaj. La homoj ekkonsciis, ke ekster la limoj de lia patrujo, ekzistas iaj samaj homoj, kies bezonoj kaj aspioj, malgraŭ la naciaj apartaĵoj, ofte estas komunaj kaj samcelaj : ili komencis erni unu de la alia, super la landoj baoj, kaj, spite arte forĝitaj malkonsentoj, estimi sin unu la alian. Naskiĝis la sento, ke super la patrujo, kaj neniel malamika l ĝi, ekzistas io pli vasta kaj pli alta. la omaro sento ankoraŭ konfuza, malirma, facile vualebla, sed ĉu oni ĝin aprobas aŭ ne, ĝi ekzistas kaj nenio jam povos ĝin neniigi kaj malhelpi, ke ĝi iam plivastiĝos. Sed al tiu sento mankis organo, al tiu ideo mankis materiala enkorpiĝo, al tiu komuna tendenco estis necesa unueca principo.

Esperantismo alportas la solvon : ĝi estas la ŝlosilo de tiuj multaj gravaj nuntempaj demandoj, kiujn starigis la plikresko de la intergentaj rilatoj ; ĉi tio estos siatempe pli detale montrata. Kun i ĉio fariĝas klara, orda, harmonia ; sen i neeble ion fortikan konstrui. Kiam i parolas pri Esperantismo, ni celas Esperantismon en ĝia plena socia sinifo, laŭ la penso de ĝia kreinto, ne n ĝia pure lingvistika mallarĝa intereto, kiu estas nur speciala flanko de a problemo. « En la mondon venis nova ento », diras nia himno, sed ne nur venis nova sento, sed ja ĝustatempe ĝi venis, kaj tio estas grava kondiĉo de venko : la tempo mem laboras kun ni kaj por ni.

Ĉu nia agado estas gvidata de idealo, sufiĉe klara, ke ĝin povas akcepti saĝaj homoj, kaj sufiĉe nobla kaj malfacila, ke i povas ilin entuziasmigi kaj hardi kontraŭ neeviteblaj malhelpoj. Al tio mem respondis la kreinto de Esperanto en sia admirinda parolado ĉe la Kembriĝa kongreso, kiu povas esti konsiderata kiel la plej klara ĝisnuna formuliĝo de la fundamenta ideo de Esperantismo. Oni relegu ĝin ; oni trovos en ĝi ektuŝitaj ideojn, kies aplikoj estas tiel multenombraj kiel gravaj kaj fruktoriĉaj. « Ni devas krei, diras D-ro Zamenhof, neŭtralan fundamenton, sur kiu la diversaj homaj gentoj povus pace kaj frate interkomunikiĝadi, ne altrudante al si reciproke siajn gentajn apartaĵojn ».

En tio konsistas principe la tuta programo kaj idealo de Esperantismo, de tiu ideo estis ĝis nun direktitaj la plej multaj aktivaj Esperantistoj ; pri ĝi konsciis plimalpli senteble ĉiuj probatalantoj de nia afero kaj nur per ĝi Esperantismo estas io plena, fortika, defendinda. Estas vere, ke tiun ideon ignoras aŭ malmulte subtenas tiuj, kiuj en Esperanto vidas nur la lingvon, t. e. vidas solan flankon de demando multe pli ampleksa, sed kun la tempo, dank'al la materiala fundamento kiun ĝi havos, ni tiun ideon ĉiam pli klare sentos, obeos, kaj ĝi mem ĉiam pli precize formuliĝos kaj nin stimulos en nia penado, montrante ĝian altan signifon.

Ĉu nia agado estas plenumata en ordo kaj unueco? En la komenco nia agado estis esence individua aŭ loka, sekve disa, kaj alie ne povis esti. Sed ju pli praktika fariĝis nia agado, des pli sentebla estis la bezono de organizo, kiu ordigos tiun agadon, kunigos la multegajn individuajn kaj lokajn penadojn, per si mem malfortajn, kaj al ili donos komunan unuecan direkton. Tiun organizan fundamenton prezentas U. E. A. Al nia movado, esence internacia kaj neŭtrala pro ĝia celo, estis necesa organizo tiel same internacia, neŭtrala, kiu per kreo de servoj plej diversaj inter diversgentanoj donos al Esperanto la necesan apogilon, konstante konkretigos la unuecon de Esperantismo kaj la solidarecon, kiu kunplektas ĉiulandajn samideanojn.

Per sia organizo, siaj servoj, ilia diverseco kaj amplekso, U. E. A. ebligas, ke ĉiu homo partoprenanta en nia movado trovu la por li plej taŭgan taskon, t. e. estu je sia loko — en kio konsistas la sano de ĉiu organizaĵo ; ĝi ebligas, ke ĉiu havu difinitan laboron, kiu mem estos parto necesa de la granda tutmonda laboro, kaj ĉiu havu en ĝi ne nur devojn, sed rajtojn — ĉar el tiu ekvilibriĝo de la rajtoj kaj devoj dependas la justeco de ĉia organizaĵo.

Aliparte U. E. A. kontentige solvas la problemon : kunigi la maksimumon de libereco kaj libera iniciatemeco, kun la unueco. Efektive, interne de ĝi, ekzistas kaj devas ekzisti ne nur individuoj, sed organizaĵoj ĉiuspecaj, ĉiufakaj, ĉiucelaj, kiuj, kvankam, pro la supera unueco de Esperantismo, estas interne de U. E. A. aŭ ligitaj kun ĝi, konservas plenan liberecon kaj memstarecon rilate al sia speciala celo kaj tasko, kiuj estas nur aspekto de la ĝenerala komuna agado postulata de Esperantismo. Fine, la ordo kaj konsekvenca diciplino, en U. E. A., dependas de regula kontrakto, sankciata de la reprezentantoj de ĉiuj interesatoj, kaj konstante modifebla, laŭ la bezonoj de la praktiko. Ĝi do ja kunigas ĉies liberecon kun la unueco, kiu estas la unua kondiĉo de vivo por nia afero.

Nia movado, resume, havas kun si ĉiujn kondiĉojn de venko : ĝi okazas en la plej taŭga tempo, ĝi havas altan idealon, ĝi nun havas organizaĵon, kiu ebligas utilan kaj certan laboron. Tiuj favoraj helpoj estus neniigitaj sur se la homoj, kiuj partoprenas en ĝi, obstinus ilin ignori kaj vidus en Esperanto nur ĝian eksteran formon kaj ĝiajn detalojn. Ke ĉiuj niaj samideanoj tion ne ankoraŭ komprenas, ĝi estas io certa, ke kelkaj el ili preferas, ol agadon laŭ tiuj principoj, la nubojn de l'diskutoj kaj teoriaj konstruoj, ĝi estas nur atendebla konsekvenko de la maniero, en kiu tro ofte estis prezentita Esperanto, sed aro da homoj tion jam konscias. Ili atendas la venkon nur de agado plenumita en ordo kaj unueco ; ili konsideras ne nur Esperanton kiel lingvon, sed Esperantismon kiel movadon kiu prezentas signifon sufiĉe gravan kaj idealon sufiĉe altan, ke ili dediĉu al si ĉiujn siajn fortojn kaj pensojn. Ĉiuj nunaj Esperantistoj sekvu ilian vojon kaj nia movado akiros tian forton, ke nenio jam povos ĝin haltigi aŭ timigi.

H. HODLER.

(1) Vidu ESPERANTO de 20 Majo.

# SOCIA VIVO

## JURO

### Projekto de novaj impostoj en Aŭstrio.

S-ro Dr Bilinski, nia nuna aminda financministro, estinta estro de la aŭstrohungara banko, ĝuas gloron de eminenta financa ministro. Lia famo baza[illegible] sur la sperto, ke li sukcesis dum sia ofico kiel financministro en ministraro de Badeni (1895-1899) ŝpari en la ŝtataj kasoj gravajn monrimedojn, kiuj poste tre utilis al liaj sekvantoj. Verdire helpis al li tiam la pliboniĝanta ekonomia konjunkturo, kiu ebligis al unu el liaj sekvantoj D-ro Korytowski en j. 1907 fanfaroni antaŭ la tuta mondo, ke ni ne fartas malbone, kiam dum jaro 1906 enspezis ŝtataj kasoj por impostoj kaj pagoj je 146 milionoj K (60,333,000 Sm.) pli multe, ol estis ĉiuj ŝtataj elspezoj. Tiu superfluo en ŝtata mastrumado vekis sensacion en Eŭropo kaj kompreneblan envion de ĉiuj financministroj en la mondo. La fina bilanco por 1907 jam ne estis tiel brila, sed ĝi tamen restis kontentiga, kvankam ŝtataj elspezoj miriginde pligrandiĝadis, ĉar parlamento tion ne simple ne malhelpadis, sed eĉ mem helpadis blindigita per la grandaj superfluoj. Ekaperadis sendubaj signoj, ke la ekonomia konjunkturo transiris zeniton, sed en ŝtataj kasoj tiu ĉi ekmalfortiĝanta tendenco tiam ankoraŭ ne estis tro sentebla. Sed, atentinda fakto estis, ke la financa administracio pli [illegible] monan foiron je helpo kaj certigi por si gravajn monsumojn per vendo de priorit-akcioj de la *Norda fervojo* kaj per kredito je la malfermita konto. Kaj kiam eĉ tio ne sufiĉis, ĝi eldonis en komenco de 1909 kasbilojn pagotajn post du jaroj en valoro da 200 milionoj K (85,880,000 Sm.). Per tio ĝi faris publikan ŝuldon nepetinte, kiel ĝi devas laŭ konstitucio, la parlamentan aprobon antaŭ la eldono sed nur post ĝi. Konataj konsekvencoj de la Bosnia aventuro faris tiun ĉi arangon bezonega. La konto por la Bosniaj aferoj estos montrita al la delegacioj nur en aŭtuno. Sed jam nun oni scias, ke gi estos pli granda, ol la sumo ricevita por la kasbiloj. Krom tio atendas financan administracion elspezoj kaŭzotaj per asekuro de invalidaj kaj maljunuloj, kiun S-ro Bilinski taksas je 50,000,000 Sm. La administracio de milita ŝiparo postulos de la delegacioj tiujare pli multe je 64 milionoj K (27 milionoj Sm.) ol antaŭe, ĉar unue ĝi elspezis por konstruo de novaj militaj ŝipoj en antaŭaj jaroj pli multe ol estis permesite de la delegacio, due ĝi trovis bezonega, ke ankaŭe Aŭstrio havigu al si tri « Dreagnouth », kiajn havas Anglujo kaj kajn konstruas por si ankaŭ Germanujo. La prezo de tia « Dreagnouth » estas 20 milionoj Sm. kaj eĉ en Anglujo daŭras ĝia konstruo pli longe ol unu jaron, en Germanujo du jarojn. Kiam la administracio de nia ŝiparo volas tiel pligrandigi la aŭstrian potencon sur maro, oni nescias ĝis nun, sed la registaro devos tion klarigi al la delegacio en aŭtuno petante krediton bezonan.

Estas do saĝe, ke la financministro zorgas pri novaj fontoj de ŝtataj enspezoj, kiujn li volas ricevi per tiel nomita « financa reformo ». Bedaŭrinde lia projekto estas neniel reformo de la imposta sistemo, kiu estus en Aŭstrio tre dezirinda, sed simpla plialtiĝo de nedirektaj impostoj, do sistemo nemoderna. Li projektas pligrandiĝi la imposton de biero (de 1,70 K por Hl ĝis 4 K por Hl) kaj de aliaj alkoholaj trinkaĵoj, plialtigi personan tarifon sur fervojoj, kaj enkonduki pli grandan imposton por hereditaĵo. Krom tio la ministro intencas starigi ŝtatan monopolon por fabrikado de alumetoj. Eĉ la registaraj partioj kontraŭstaras tiun impostan projekton, sed ĉar la mono estas por ŝtata administrado absolute bezona, certe la registaro pligraviĝos la elspezojn de la loĝantaro per iaj novaj impostoj, eĉ se ne estos sano por la regna bonfarto.

S. K. (Praha).

## GEOGRAFIO

### La ekspedicio Shackleton al la Suda Poluso

Je la 24 marto 1909 granda novaĵo atingis Anglujon : el Nov-Islando la ekspedicio, estrita de leŭtenanto Shackleton, post vojaĝo de 15 monatoj, alvenis je 178 kilometroj de la Suda Poluso, distanco ĝis nun neniam atingita. Tiu rezultato estas tiom pli rimarkinda, ke estis ĝis nun faritaj multe malpli da provoj por la Suda ol por la Norda poluso. Tion klarigas la fakto, ke la Norda poluso estas okupata de tre profunda oceano, cirkaŭita de teroj malfacile alireblaj, kaj plena de glaciaĵoj plej danĝeraj por la ŝipoj, kiujn ili povas rompi kaj malfosigi. Se oni povas atingi la nordan poluson per glitveturilo, la malfacilaĵoj ne estas malpli grandaj, ĉar la movantaj glaciaĵoj estas treege malebenaj kaj sekve tiel danĝeraj kiel la mara vojo. Male, kvankam la informoj estas ne precizaj, ni scias. ke la Sudan poluson okupas vasta kontinento kies surfaco superus Eŭropon. Tiu kontinento estas tute kovrita per glaciaĵoj, sed kvankam irado sur ili prezentas multe da malfacilaĵoj, la vojo estas pli certa, ol sur la movemaj glaciaĵoj de l' norda poluso. Plej malfacile estas trovi albordiĝejon, ĉar la glaciaĵoj de l'marbordo estas terure krutaj kaj oni ĉiam povas timi marondegon pro falo de glaciaĵa maso. Entute la situacio estas tute mala, ol en la nordo : en ĉi tiu oni facile alvenas ĝis la limteroj de l'poluso sed trans ili mankas fortika tero ; sude, oni malfacile alvenas ĝis la limteroj, sed de tie la vojo estas sufiĉe bona.

De 1901 ĝis 1903, okazis kvin ekspedicioj (brita, germana, sveda, skota, franca), kiuj liveris bonajn rezultatojn el scienca vidpunkto, sed ne sufiĉajn rilate al la enpenetrado. Jam en 1902, esploristo Scott, kun leŭtenanto Sahckleton, alvenis ĝis 850 kilometroj, tra la belega glaciaĵo, nomata granda baro. Sed pro manko de nutraĵoj la ekspedicio ne povis iri pli malproksimen ; malgraŭ tio la rezultatoj estis tute kontentigaj.

En 1908 leŭtenanto Shackleton povis fari novan ekspedicion. Dum februaro li kun dekkvin kunuloj sin instalis ĉe tero Victorio. Li estis alkondukinta potencajn transportilojn kaj transportajn bestojn, taŭgajn por la medio. Dank'al tio, ke li partoprenis la unuan esploron de Scott, Shackleton jam tre bone konis la situacion kaj havis sperton pri la suda kontinento. La 4a novembro 1908 la karavano ekiris. Ĝi kalkulis krom la ĉefo tri virojn kaj kvar glitveturilojn, provizitajn per nutraĵoj por tri monatoj. En 26 tagoj ĝi atingis la finpunkton de la esplorado de Scott kaj ok tagojn poste la malsupron de la grandega montaro, kiu limigas la glaciaĵon sude. De tie komenciĝas grava, senlaca penado : irado sur glaciaĵo, plena de fosaĵoj kaŝitaj de trompa neĝo. La esploristoj antaŭeniras ŝnurligitaj kiel Alpirantoj. La irado estas longega, ĉiupaŝe danĝera. En dek du tagoj estis trapasita montaro alta je 2000 metroj. Tuj poste prezentiĝas tria monto, la lasta. Shackleton kaj liaj kunuloj ĝin surrampis kaj fine troviĝis sur vastega plataĵo je 3000 metroj de alteco, post kiom da malfacilaĵoj neniu povos diri. Poste la vojo estas facila ; nenia monto, nur senfina blanka ebenaĵo. Bedaŭrinde, la vento senĉese blovegis kaj, malgraŭ la sezono, estis 40 gradoj sub la nulo. Ĉiuj esploristoj, spite siaj antaŭzorgoj, havis frostiĝon ; ili ŝparegis le nutraĵojn por iri ĉiam pli antaŭen, venki la senĉese balaantan ventegon kaj netolereblan malvarmegon. Iliaj fortoj fine mankis ; la 9a Januaro ili haltis, nur je 178 kil., al la poluso ; antaŭ iliaj okuloj etendiĝis la virga neĝa ebenaĵo, kie troviĝas la sekreto de l'poluso.

La reveno estis ankaŭ tre malfacila. Je la 4a marto la bravaj esploristoj atingis la vintrorestejon. Ilia vojaĝo daŭris 126 tagojn kaj ili iris 2750 kilometrojn sur la glaciaĵo (distanco de Parizo ĝis Peterburgo).

Kvankam Shackleton ne atingis la poluson mem, la rezultatoj de lia ekspedicio estas grandaj. Oni scias nun certe pri la aŭstrala kontinento kaj ĝia stato ; la esploristo eltrovis ok montarojn kaj kelkajn centojn de monpintoj, el kiuj multaj superas 3600 metrojn. Dank'al lia mirinda laboro, la suda poluso estas nun ekkonata kaj la vojo al ĝi lumigata de la kuraĝaj esplorintoj.

L. R.

*Nova Zelando.*

La insuloj, Nova Zelando kuŝas en Sudpacifika Oceano duonvoje, inter la tropikoj kaj la Suda Poluso — Ili estas fruktodonaj kaj bone provizitaj de akvo, kaj la loĝantaro ĝuas klimaton, ĉarme moderan, kaj sanigan. La Nov-Zelandanoj estos el Brita deveno, havas la plej malaltan mortprocenton, kaj la plej grandan riĉecon ĉiupersone, ol ia alia nacio en la mondo. Nova Zelando konsistas el du ĉefaj insuloj, nomataj, norda kaj suda, kune kun la pli malgranda Stewart — a Insulo, kaj ankaŭ granda — nombro da insuletoj apud la marbordo. La lando estas longaforma, mallarĝa kaj montegara, kaj estas entrude eltranĉigata per la maro, kiu faras nombrajn grandajn havenojn, kaj terĉirkaŭitajn sondojn (detroit du Sund). La Brita loĝantaro sumas preskaŭ 900,000 kaj la enlandularo ĉirkaŭe 47000 (Maoris). La mortprocento por 1905 estis 9.27 po 1000. Estas kvar grandaj urboj enhavantaj loĝantarojn de 50000 ĝis pli ol 80000 ; kaj' estas ankaŭ multaj gravaj provincaj urboj el kiuj la plimulto estas marhavenoj. Nova Zelando staras ĉirkaŭ 1100 mejloj je la oriento de Aŭstralia marbordo, kaj oni alvenas tien ĉi per vaporŝipo el Sydney post 3 1/2 tagoj. Nombraj belegaj vaporŝiraroj subtenas komunikadon kun la ekstera mondo, kaj la kolonia marborda administracio estas unu el la plej bonaj en la mondo. La Ŝtato havas ĉirkaŭ 2400 mejloj de fervojoj, kaj posedas multe da ĉefaj, plezurejoj, kaj spaoj (sanejoj) en la kolonio — plue, per Registara Turista kaj Saneja Fako, kontrolas iom da plej grandaj pejzaĝaj vojoj, kiujn oni povas vidi ie, sur la tuta mondo. Ĝi subtenas hotelojn, kaj gastejojn en kelkaj lokoj, por la oportuneco de vojaĝantoj, kaj ankaŭ samkaŭze veturigas siajn proprajn vaporŝipojn kaj plezurboatojn. La principaj koloniaj industrioj estas la paŝtado de ŝafaroj, kaj brutaroj, por lano, viando, peltoj, ankaŭ laktoproduktaĵoj, orminado, grenkulturo, lignaĵsepago, fabrikado de Nova Zelanda kanabo (phormium tenax, neuseelandischer geschwungene Flachs, lin prepare), kaj la kaurigumfosado (gomme resine kauri). La fabrikaĵoj de Nova Zelando sumas entute jaran valoron 17,0000000 S sterlingaj. La eksportado produktaĵa atingas ĉirkaŭe saman sumon jare. La tuta kolonia taksita privata riĉeco en 1906 estis 258,710,0000 — publika riĉeco 58,836,1030. La mezriĉecu ĉiupersone, de la loĝantaro estas taksita je 2930 Kvankam Nova Zelando etendas preskaŭ dekvar gradojn de latitudo, tamen la temperatura diferenco, inter la maksimuma kaj minimuma, estas kompare malgranda. La klimato ne prezentas grandajn ekstremaĵojn da varmeco aŭ malvarmeco. La tutjara meztemperaturo de la norda insulo estas ĉirkaŭe, 56 gradojn Fahr. (= 18 Centigrade), tio de la suda Insulo estas ĉirkaŭe, 52 gradojn Fahr. (= 17 Centigrade). La someraj kaj aŭtunaj monatoj, la plej plezuraj por vojaĝi en Nova Zelando estas de Novembro ĝis Majo (oni ne devas forgesi, ke sezonoj en la antipodoj estas male, al norda duon). La multaj bonegaj varmegaj mineralakvaj spaoj (mineralakvaj sanejoj) estas la plej multaloraj naturaj koloniaj posedaĵoj. La termalaj kaj mineralakvoj ĉe Rotorua, Te Aroha, Taupo, kaj Hanmer jam faris multajn mirindajn kuracojn, kaj la spaoj ĉe tiuj lokoj estas kunvenejoj de vojaĝantoj kaj malsanuloj el ĉiuj partoj de la mondo. Por la vidŝatantoj estas sennombraj ĉarmaj vojaĝceloj, kiel la mirinda gejzerlando de la norda insulo, kun ĝiaj fontoj kaj fumaroloj (vulkanaj vaporaj putoj), kaj ĝiaj varmejaj lagoj, kaj riveroj, ĝiaj arbarfranĝitaj lagoj, kaj brueganta kuregantaj kanjon-riveroj — la belega alpa montarego de la suda insulo, kun ĝiaj centoj da (ĉiam glaciĉapitaj) pintoj, ĝiaj grandegaj glaciejoj, kaj glacifaloj, kaj belega montafloraro, la grandaj alpaj lagoj profundege bluaj, la nepriskribeble riĉaj kaj belegaj arbaroj de Westlando, kaj Fjordlando, kaj la majestaj montfortikigitaj marbrakoj, konataj, kiel la okcidentaj marbordaj sondoj (detroit du sund). Ĉie sufiĉego da bonegaj trutoj atendas la fiŝkaptanton, kaj la plej belegaj kornbrancaj kapoj la cervĉasiston.

Oni atingas Nov-Zelandon el Anglujo post 27 tagoj, vojirante tra Nov-Yorko, kaj San Francisco, kaj post 30 tagoj trairante Kanadon kaj Vancouver-on. La vojaĝo per direkta vaporŝipo el Londono al la kolonio okupas ĉirkaŭe ses semajnojn. La fotografaĵoj en tiu ĉi libreto, ebligos esperеble, ke la fremdulo akiru ian ideon de la rimarkindaj trajtoj de tiu ĉi bela lando en la antipodoj, ĝiaj prosperaj urboj, kampara vivado, kaj neordinara belega pejzaĝo.

## EKSPOZICIOJ

### Ekspozicio en Ekaterinodar

En Septembro monato de nuna jaro estos en *Ekaterinodar* (Rusujo) la « Terkultura, industri-etnografia ekspozicio » kun partopreno de alilanduloj en la industria fako. La ekspozicio, kiu kredeble komenciĝos de unua Septembro kaj daŭros tutan monaton, havos ses fakojn : 1. Fabrika industrio de Kubana regiono ; 2. Vilaĝa industrio de Kubana regiono ; 3. La industrio de terkulturo en ĉiuj ĝiaj vidoj en Kubana regiono ; 4. La ruslanda industrio, povanta havi uzon en Kubana regiono ; 5. La alilanda fako : diversaj maŝinoj, elpensaĵoj kaj plibonigoj k. t. p. ; 6. Kubana etnografia fako.

La eksponaĵoj estos dividataj laŭ la sekvantaj grupoj : 1. Agrikulturo, agrikulturaj iloj, maŝinoj kaj kartogrammoj ; 2. Best-kaj birdedukado ; 3. Edukado de Vinbero kaj prilaborado de vino ; 4. ĝardenlaborado, fruktlaborado, konservproduktaĵoj, dekoracia ĝardenlaborado kaj florlaborado ; 5. Arbar-edukado ; 6. Edukado de abeloj kaj silklaborado ; 7. La fiŝa industrio ; 8. Lakta mastraĵo ; 9. La metia kaj vilaĝa industrio, muzikaj instrumentoj ; 10. Instrua fako ; 11. Arta fako, pentrado, fotografarto, kinematografoj, gramofonoj ; 12. Presa fako : diversaj presejaj maŝinoj, presaj (en

diversaj lingvoj) eldonoj, gazetoj jurnaloj libroj k. t. p.; 13. La montlabora industrio; 14. La specoj de la fabrika industrio; 15. Etnografia de Kubana regiono; 16. Religia-historia fako; 17. La militistara mastrajo de la urboj de Kubana regiono; 18. La literaturo kaj kartogrammoj laŭ la fakoj de ekspozicio, la tutaj specoj de la sporto, la vojoj de komunikiĝoj k. t. p.

La plej detalajn informojn pri tiu ĉi ekspozicio oni povas ricevadi de Subdel, de U. E. A. en Ekaterinodar.

Loĝantaj en Ekaterinodaro Esperantistoj intencas aranĝi en ĉi tiu ekspozicio eksposicion de la esperantaĵoj, organizi senpagan disdonadon de diversaj propagandiloj kaj havi kelkajn paroladojn.

A. Zakrjevski,
SD. el Ekaterinodaro (47011.1).

## AERVETURADO

### Internacia Aerveturada Ekspozicio en Frankfurt-M.

La tuta civilzita mondo atendas jam senpacience la nomitan ekspozicion, kiu okazos dum la nunjaraj monatoj Julio ĝis Oktobro en *Frankfurt-M.* Tiu ĉi ekspozicio donos la unuafojan okazon por vidi kaj montri la ĝisnunajn grandiozajn sukcesojn de la aerveturada tekniko.

Krom kvar multvolumaj motorbalonoj ankaŭ la granda direktebla aerŝipo de la grafo Zeppelin estos prezentata en ĝia funkciado, plue la intertempe pligrandigita direktebla balono de Parseval, kies enhavo estas ĉirkaŭe 6.000 kubikmetroj; tiu ĉi servos por porti la ekspoziciajn vizitontojn en diversaj ekskursoj tra la aero en la ĉirkaŭaĵon de Frankfurto (nature ne senpage). Cetere diversaj bone konataj flugmaŝinoj, enkaj eksterlandaj, flugos (aŭ eble provos flugi) dum la ekspozicio kaj la granda, vasta halo de l'ekspozicio enhavos multe da modeloj de antikvaj kaj modernaj flugaparatoj. Sed ne nur tiujn ĉi objektojn tre interesajn oni povos vidi, sed ankaŭ grandan amason da diversaj objektoj, apartenantoj al la fako de iiioj de aerveturada arto, ekzemple por la observado, meteorologio, cetere propeloj, balonkanonoj por la persekuto kaj defendo de aerŝipoj k. t. p. Dum la ekspozicio ankaŭ okazos aerŝipa konkursveturado, por kiu estos rezervotaj 60 tagoj.

Kompreneble krom tiuj seriozaĵoj ankaŭ ne mankos la plezura parto, ekzemple marŝiparaj teatraĵoj kun helpo de aerŝipoj (pri la milito de l'estonto!) panoramoj, en kiu la vizitonto trompe kredos, ke li flugas tra la aero, eĉ karuseloj, konsistonta el aerŝipetoj, ekzistos por la amuzado de l'publiko.

La esperantistaro de Frankfurto invitas ĉiujn interesulojn, viziti la ekspozicion, sed ĉefe nature la samideanaron, kiu ja per helpo de nia komuna lingvo havas la plej bonan rimedon, facile interkompreniĝi kaj profiti per internacia esperantista « frateco ».

A. Schutze (Frankfurt).

### Aviada semajno en Ĉampanio

En la tiel nomata Ĉampania regiono (nordorienta Francujo) okazos de 22 ĝis 29. Aŭgusto granda aerveturada semajno, kiu parte anstataŭos la grandan premion de aŭtomobilismo. De kiam la aŭtomobilisma sporto fariĝis praktika, la grandaj jaraj konkursoj fariĝis senutilaj. Jen venas la vico de l'aerveturado. Tiun celon respondas la konkurso de Reims, por kiu estis difinita 80.000 $ da premioj. Por la granda provo la unua premio estos 20.000 $. La konkursoj okazos ĉirkaŭ grandega kurejo rektangula de 10 kilometroj. Estradoj estis tiel konstruitaj, ke la rigardantoj povos vidi la aerveturistojn dum la tuta flugo. Krom la distanca premio, ni citos la rapidecan premion (8000 $), kiu estos donacita al la aerveturinto, plenuminta 30 kil. en la plej mallonga tempo. Por la premio de alteco (50 metroj), 4.000 $ estas difinitaj. Oni postulas de la aviadistoj nenion, kion ekzistanta aparato ne povas plenumi. Al la premio oni devas aldoni unu por la aviadilo transportonta plej multe da personoj kaj la konkursojn por la aviada pokalo Gordon-Bennett (1a premio : 10000 $). La konkursejo estas la ebenaĵo Betheny; ĝi estas loko preskaŭ tute ebena. Oni konstruos tenejojn por ŝirmi la aparatojn, kiujn oni sen page metos al la dispono de la konkurontoj. Ili estos uzeblaj unu monaton antaŭ la konkursoj, tiel ke la aviadistoj havos tempon sin ekzerci kaj konatiĝi kun la loko.

## PEDAGOGIO

### Interŝanĝo de infanoj (1)

Interŝanĝo de infanoj? En la unua momento surprizas tiuj ĉi vortoj. Oni interŝanĝas komercaĵojn: ĉu povas esti interŝanĝataj ankaŭ personoj? Dum militaj tempoj estas interŝanĝataj garantiuloj ĉu ni nun efektive fariĝos atestantoj de la strangaĵo, ke fremdaj nacioj interŝanĝos siajn infanojn?

Tio estas la certe tre originala ideo, kiun disvastigi kaj efektivigi ekintencas lerta kaj energia franco Toni Mathieu. Li sukcesis trovi nombron de samlandanoj, kiujn li konvinkis aŭ kiujn inklinis konvinkiĝi. Por helpi lin en liaj klopodoj, estis fondata unuiĝo, kies membroj havas neniujn rajtojn, sed diversajn devojn: ili donas sian kotizaĵon kaj afable kontrolas la agadon de S-ro Toni Mathieu. Certe unuiĝo plej neprofitema!

Kiel do oni imagas la internacian interŝanĝon de infanoj kaj junuloj? Ekzemple: Du familioj, unu franca, kaj la alia germana, havas ambaŭ po unu infano (la sekso povas esti malsama), kiu, laŭ sia aĝo, devas komenci paroli fremdan lingvon pli flue. La malgranda franco konas la germanan lingvon nur dank' al lecionoj de siaj instruistoj, sed havis nenian la okazon uzadi ĝin. Kiel estas preskaŭ ĉiam, li scias diri kelke da frazoj ofte uzataj, sed tuj kiam oni respondis lin, la konversacio haltas. Tiel same la malgranda gegermanoj estus apenaŭ kapablaj interparoli per franca lingvo.

Cetere ambaŭ familioj estas preskaŭ en la sama socia situacio. La unua aŭ la alia apartenas al tiu bona meza klaso, kiu, en Germanujo kiel en Francujo, estas la solida fundamento de la nacio kaj kiu, per sia inteligenteco, sia saĝo, laboro, sciencemo, vojaĝemo, sur ambaŭ flankoj de la limo, agadas por progreso kaj paco. Por diri malkaŝe, la sperto instruis, ke la internacia interŝanĝo de infanoj utilas, antaŭ ĉio, ĉi tiun mezan klason. Laŭ principo, ĝi estus aplikebla samamezure por aliaj socialaj klasoj. Ĉiu, el ili efektivigante la interŝanĝon havus la saman profiton. Eĉ al la membroj de la plej riĉa klaso, la interŝanĝo liverus rimarkeblan profiton. Tion pruvos miaj pluaj klarigoj: ĉar oni ne povas kompari la restadon de infano en edukejo kun la vivado en familio.

Antaŭ ĉio estas necese, ke ambaŭ familioj, inter kiuj la dirita interŝanĝo okazos, estu egalriĉaj kaj en simila sociala situacio kaj havu la saman domon ordon. Ni imagu, ke tria persono kiu konas ambaŭ familiojn, proponas al ili jenon:

« Vi estas tre honestaj homoj kaj, kvankam vi ne konas unuj la aliajn, tamen nenio malhelpas, ke vi komencos interrilatojn. Vi devas estis konvinkitaj, ke vi havus tre realajn profitojn; tamen ĉefe la afero ne rilitas al vi. Viaj modestaj monrimedoj malhelpas vin, vojaĝi kune kun viaj infanoj najbarlanden, kvankam estus tre utile por ili, ĝin ekkoni. Vi ankaŭ ne estas en situacio, konfidi ilin por tiu celo al instruisto. Tial do donu al mi viajn infanojn. Mi konas vin sufiĉe por havi fidon je vi; mi

(1) De Pierre Baudin, Parizo, franca eksministro por publikaj laboroj kaj membro de la franca parlamento.

alportos al la francina patrino germanan knabon, kiu en la daŭro de kelkaj monatoj prenos la lokon de ŝia filo: al la germana patrino mi alportos junan francon, kun kiu ŝi sin okupos per la sama dorlotemo, kiun ŝuas ŝiaj infanoj ». La interŝanĝo estas farita: la malgranduloj estas transplantitaj.

Oni ambaŭflanke celas, sin alproksimigi kaj ami reciproke, sed oni ne komprenas unu la alian, oni anstataŭas vortojn per movadoj. Dum la embaraso malaperas, la filigaj gepatroj faras kiel eble plej multe por kore malfremdiĝi. La familiaj sentoj parolas lingvon konvinkigan. La infano ekhejmiĝas; ĝi perdas la malsaĝan honton, kiu unue malhelpis ĝin babiladi la ofte uzatajn vortojn kiujn ĝi estis scipova. La gepatroj vigligas ĝin, ili al ĝi alkutimigas je la vivo de sia rondo, ili ĝin plenumigas la rolon de forestanta infano. La dolĉa iluzio de hejma nesto iom post iom eklogas ĝian koron. Kvankam ĝi ne sin sentas tute kiel hejme, ĝi tamen havas la senton, ne esti tre fremdulo. Post kelkaj tagoj, la unua familio preskaŭ anstataŭis la alian.

Mi ne trograndigas. Granda nombro da atestoj, kiuj pruvas, ke niaj infanoj tre facile enkreskas en la intimecon de fremda familio, pasis tra niaj manoj. Ili estis ĉarmaj leteroj, per kiuj la infanoj skribis tute liberaj.

Ni ĝis nun nur elektis la ekzemplon de interŝanĝo de infanoj inter Germanujo kaj Francujo. Tiuj du landoj estis la unuaj, inter kies familioj la nova eduka sistemo faris la pli rapidajn progresojn. Tamen oni povas ekvidi el jenaj ciferoj enhavataj en la lasta raporto de S-ro Mathieu, ke la sistemo ankaŭ komencas enradikiĝi inter Francujo kaj Anglujo.

La interŝanĝoj dum la lastaj libertempoj estis jenaj:

| | | |
|---|---|---|
| 88 | inter Francujo kaj | Germanujo |
| 33 | » » » | Anglujo |
| 1 | » » » | Aŭstrujo |
| 3 | » Germanujo » | Anglujo. |

Entute 125 interŝanĝoj.

La tuteco de interŝanĝoj okazintaj ekster la libertempoj por du monatoj aŭ plu ĝis la daŭro de unu jaro estis jenaj:

| | | |
|---|---|---|
| 25 | inter Francujo kaj | Germanujo |
| 12 | » » » | Anglujo |
| 3 | » » » | Aŭstrujo |
| 1 | » Germanujo » | Anglujo. |

Entute 41 interŝanĝoj.

Estas do interese, montri la rilaton de seksoj kaj nacioj sur la kampo de infaninterŝanĝo:

Interŝanĝo dum la libertempoj:

| | Knaboj | Knabinoj | Entute |
|---|---|---|---|
| De Francujo al Germanujo | 85 | 3 | 88 |
| » » » Anglujo. . | 28 | 5 | 33 |
| » » » Aŭstrujo. . | 1 | 0 | 1 |
| » Germanujo » Francujo. . | 71 | 17 | 88 |
| » Anglujo » » | 25 | 8 | 33 |
| » Aŭstrujo » » | 0 | 1 | 1 |
| » Germanujo » Anglujo. . . | 2 | 1 | 3 |
| » Anglujo » Germanujo. | 3 | 0 | 3 |
| Entute . . . . . . . | 215 | 35 | 250 |

Interŝanĝo de infanoj aŭ junuloj por la daŭro de du monatoj ĝis unu jaro.

| | Knaboj | Knabinoj | Entute |
|---|---|---|---|
| De Francujo al Germanujo. | 25 | 0 | 25 |
| » » » Anglujo. . | 6 | 6 | 12 |
| » » » Aŭstrujo. . | 3 | 0 | 3 |
| » Germanujo » Francujo. . | 8 | 17 | 25 |
| » Anglujo » » | 5 | 7 | 12 |
| » Aŭstrujo » » | 1 | 2 | 3 |
| » Germanujo » Anglujo. . | 0 | 1 | 1 |
| » Anglujo » Germanujo. | 0 | 1 | 1 |
| Entute. . . . . . | 48 | 34 | 82 |

Dum la jaro 1908 Francujo laŭ tio dissendis 162 infanojn, Germanujo 117, Anglujo 49, Aŭstrujo 4 infanojn al fremdlandoj por restado.

Fine: La klopodoj de internacia infaninterŝanĝo estas en la vico de tiaj, kiuj celas amikajn rilatojn inter la popoloj de homo al homo, familio al familio, unu el la plej interesaj kaj plej efektivigaj. Kaj krome tiaj klopodoj nur servas al plibonigo de civilizacio. Kongresoj, en kiuj oni pritraktas la grandajn demandojn de scienco kaj moralo, la manifestaciojn de pacifismo, diplomatiajn negocadojn en la senco de paco, ĉio estas tre utila kaj necesa, ĉio celas la reciprokan komprenadon de la popoloj. Sed nenio atingas la sentojn de reciproka estimo kaj solidareco, kiajn efektivigas la interŝanĝo.

Sidiĝu la germanaj infanoj ĉe la fajrujo de francaj familioj, gajnu la francaj infanoj en la rondo de germanaj familioj verajn kaj daŭrantajn emojn! Mi nomis la viron, kiu ekpremis tiun penson kaj laboradas kun energio kaj oferemo por ĝin efektivigi. Lia edzino lin helpas je tiu malfacila entrepreno, kiu nun estas patrino kaj provis la interŝanĝon dissendante siajn propajn infanojn. La misio de tiuj geedzoj meritas atenton kaj helpon ĉiuj, kiuj volas helpi sur ambaŭ flankoj de limo aperigon de nova societo: societo larĝa vidmaniero, kiu komprenas la belegon de homa vivo.

∴ Postparolo de la tradukinto: Mi ne parolis pri la granda helpo, kiun U. E. A. povas doni al tiu movado; niaj delegitoj kaj helpantoj estas la personoj, kiuj povas a[...] sinjoron Mathieu. Mi tial petas niajn fran[...] gesamideanojn, montri tiun artikoleton al [...] Mathieu kaj lia edzino. Se ili ĝis nun ne e[...] gesamideanoj, ili tuj fariĝu, ĉar ili estu ce[...] ke la nombro de infanoj interŝanĝotaj [...] Esperanto centobliĝos.

D-ro M. K.

## TRA LA MONDO

# GRENOBLE (Francujo)

**Grenoble** (75,000 loĝantoj, alt. 204 metroj), malnova ĉefurbo de la provinco Dauphiné, ĉe l'kunfluo de Isère kaj Drac, en bela ebenaĵo ĉirkaŭita de altaj montoj, kiujn kronas neĝoj kaj glaciaroj, estas senkonkuranta urbo rilate al la pentrinda vidpunkto. Kiam la lastaj vesperaj sunradioj orumas la montaron Belledonne (alt. 2981m), kiam samtempe la ĉielo steliĝas, tiu vidaĵo estas vere miriga, precipe por fremdulo.

La urbo, kies cementon kaj gantojn oni konas en la tuta mondo, estas dotita de saniga klimato, krom tio, ĝi estas rimarkinda pro la pureco de siaj stratoj, kies cementa makadamo — anstataŭ pavimoj — ebligas facilan purigon. La trinkeblaj akvoj sufiĉegas: Ĉiun loĝanton, ĉiutage, provizas fonto po mil litroj da bonega akvo. Ankaŭ en tiu ĉi rilato, Grenoble okupas la unuan rangon inter la francaj urboj.

De jam longe, dank'al klera urbkonsilantaro, ĝi ĉirkaŭiĝis siajn monumentojn per avenuoj, ĝardenoj, bulvardoj; ĝi lukse enloĝigis siajn riĉajn bibliotekon, muzeojn, sciencajn kolektojn, kaj precipe sian Universitaton.

Fakte, post Parizo, estas la ĉi tiea Universitato, kiu akceptas plej multe da fremdaj gelernantoj. Ĉiujare ilia nombro superas 600. Ĉeestas la kursojn ne nur gejunuloj, sed profesoroj, pastroj, sciencamantoj ĉiulandaj. Por ili, specialaj lecionoj okazas de Julio ĝis Oktobro, same kiel ekskursoj estas organizataj de la Patroneca Komitato.

Ĉar alloga estas la ĉirkaŭaĵo, kaj multaj la celoj de belegaj promenadoj!

Ĉu oni deziras viziti banstacion? Oni el[...] inter: **Uriage-les-Bains** (14 km. de Gren[...] elektra tramo), kazino.

**Allevard** (40 km. fervojo) abiaj arb[...] fandejoj.

**Le Motte-les-Bains** (30 km.) fervojo h[...] en roko superstaranta je 400 m. la tor[...] Drac'on.

**Aix-les-Bains** (60 km. fervojo) fama b[...] tacio kaj kazino.

Ĉu oni preferas trairi misterajn arbar[...] La masivo de la Grande Chartreuse. [...] proksime, plenumos vian deziron. Tiu ma[...] formas kvadraton je 40 km. longa kaj 20 [...] larĝa, kies kelkaj montoj estas kovritaj [...] admirindaj abiaj, fagaj arbaroj. La f[...] monaĥejo staras en la centro de la mas[...] t. e. je 20 km. de Grenoble.

Alia centro de gravaj ekskursoj esta[...] Bourg d'Oisano, 49 km. fervojo, beleta ur[...] meze de regiono de sama nomo, enhav[...] famajn montegarojn (la Meije, 3.987 m, [...] Ecrins 4.103m) kaj grandegajn glaciejojn, [...] ciejo de Mont-de-Lans, 15 km. longa).

Mi citis kelke da promenejoj ĉirkaŭ Gre[...] ble: estas centoj da aliaj, tiel allogaj kie[...] ĉi. Cetere, ĉie troviĝas, nun, bonaj ho[...] dank'al la penadoj kaj klopodoj de l'T[...] Klubo kaj de la Grenobl'a Iniciata Sindik[...] ĉie ankaŭ vi renkontos gastemajn loĝan[...] 

Kiel oni jus vidis, nenio mankas al la di[...] seco kaj majesteco de niaj Grenobl'aj Alp[...] miregigaj pintegoj, verdantaj herbejoj, a[...] oj, vivegaj torentoj, bruegaj akvofaloj, [...] gaj profundegaĵoj.

Por pluaj informoj, oni, okaze, sin turn[...] « Syndicat d'Initiative, 2, rue Montorge, [...] noble », korespondas en esperanto; sen[...] (poŝtmarko por respondo) gvidlibrojn fr[...] angle, germane, itale.

F. Roy.
Lernejdirektoro, Viedele[...]



GRENOBLE KAJ LA ALPA ĈENO

FELIETONO DE « ESPERANTO » 6

# RAKONTO PRI SEP PENDIGITOJ

De Leonid Andrejev

Dediĉita al Lev. Nikolajeviĉ Tolstoj

## IV. Ni estas Orlovanoj.

(*Daŭrigo*)

Kaj en la haoson el helaj, sed nefinitaj imagoj, kiuj premadis Ciganokon per sia rapideco, penetris unu nova: kiel bone estas fariĝi ekzekutisto en ruĝa superĉemizo. Li reale prezentis al si la placon plen-plenan da popolo, la altan pendigejon, kaj kiel li Ciganok paŝadas tie en la ruĝa superĉemizo kun la hakileto. La suno lumigas la kapojn, rebrilas gaje sur la hakileto, kaj ĉio estas tiel gaje kaj riĉe, ke eĉ tiu, kies kapon li baldaŭ estos senkapigita, ankaŭ ridetas. Kaj malantaŭ la popolo oni vidas veturilojn kaj ĉevalajn kapojn — tie alveturis el vilaĝo la kamparanoj; plue oni vidas la kampon.

— C-ah! — Smaĉis Ciganok, lekumante kaj cikraĉedis la alfluantan salivon. Kaj subite kvazaŭ oni kapkovris lin per fela ĉapo ĝis la buŝo mem: iĝis mallume kaj sufoke kaj la koro fariĝis peco da nedegelanta glacio, elvokanta etan sekan tremadon.

Ankoraŭ do fojojn venis la subestro, kaj Ciganok ridantaĉe diris:

— Kia rapidema. Ankoraŭ fojeton ci venu.

Kaj fine la subestro preterpasante ekkriis tra fenestreto:

— Malatentis cian feliĉon, malspertulo. Oni trovis aliulon.

— Nu kaj diablo estu kun ci, pendigu mem! — morde rediris Ciganok, kaj ĉesis revadi pri la ekzekutisteco.

Sed je l'fino, pli proksime al ekzekuto la rapideco de la dissiritaj imagoj fariĝis neelportebla. Ciganok jam deziris halti, dismeti la piedojn kaj halti, — sed la turniĝanta fluo estis forportanta lin, kaj estis nenio por fiksiĝi: ĉio naĝadis ĉirkaŭe.

Kaj la dormo fariĝis jam maltrankvila: venis novaj reliefaj, pezaj, kiel kolorigitaj lignopecoj, sonĝoj, eĉ pli rapidaj ol la pensoj. Tio ĉi jam ne estis fluo, sed senĉesa falado el senfina monto, turniĝanta flugado tra la tuta videbla kolorplena mondo. Dum la libereco Ciganok havis nur sufiĉe elegantajn lipharojn, do en la malliberejo elkreskis ĉe li nigra, mallonga, pika barbo kaj tio ĉi donis al li timigan kaj frenezan elvidon. Iam Ciganok efektive konfuziĝis kaj tute sensence turniĝadis en la ĉelo, sed li ĉiam ankoraŭ palpadis la malglatajn stukitajn murojn; kaj trinkis akvon, kiel ĉevalo. Iam vespere, kiam oni lumigis, Ciganok stariĝis bestmaniere sur la piedoj kaj manoj meze de la ĉelo kaj ekbojis per tremanta lupa bojado. Li tiam estis iel aparte serioza kaj bojis tiel, kvazaŭ li faris gravan kaj necesan aferon: li enspiradis plenan bruston da aero kaj malrapide elspiradis ĝin per daŭra tremanta bojado, kaj ferminte la okulojn, li atente alaŭskultis. Kaj nenio mem la tremado de lia voĉo ŝajnis iom intenca: li ne kriis sensence, sed penene sonigis ĉiun notion de tiu ĉi besta ploraĉo, plena de neesprimebla teruro kaj malĝojego.

Poste li subite interrompis la bojadon, silentis dum kelkaj minutoj, restante kvarpiede. Subite li ekbalbutis mallaŭte en teron:

— Kolombetoj, karuletoj..... kolombetoj, karuletoj, kompatu... kolombetoj... karuletoj...

Li ankaŭ kvazaŭ alaŭskultis, kiel ĝi sonas: diros unu vorton kaj alaŭskultas.

Poste li salte leviĝis — kaj tutan horon seninterrompe malĉaste insultadis.

Uh, tiaj — maltiaj... tien-to-ta-ta!... — kriegis li, elmetante la sangoplenajn okulojn. — Pendigi, do pendigi, ĉar se ne... Uh, tiajmaltiaj...

Kaj blanka, kiel kreto, soldato, plorante pro malĝojego kaj teruro, puŝadis la pordon per la pafiltubo kaj kriis senhelpe:

— Mi vin pafos! je l'Dio, pafos! Auskultu! sed pafi li ne kuraĝis: la ekzekutotajn oni neniam pafadis, se ne estis efektiva ribelo. Kaj Ciganok krakis per la dentoj, insultis kaj kraĉis — lia homa cerbo, metita sur la monstre akra limo inter la vivo kaj morto, disfalis je l'partoj, kiel buleto el seka kaj aerumita argilo.

Kiam nokte oni venis en la ĉelon por konduki Ciganokon al la ekzekuto, li agitiĝis kaj kvazaŭ reviviĝis. En la buŝo iĝis ankoraŭ pli dolĉe kaj la salivo senhalte alfluis, sed la vangoj iom rozkoloriĝis kaj en la okuloj ekbrilis la antaŭa iom sovaĝa ruzeco. Sin vestante li demandis la oficiston:

— Kiu do pendigos? Novulo? Certe ankoraŭ mallerta.

— Pri tio ĉi vi ne bezonas maltrankviliĝi, — seke respondis la oficisto.

— Kial do ne maltrankviliĝi, via moŝto, oni ja min pendigos, sed ne vin. Almenaŭ vi ne ŝparu regnan saponon por la sufokilo.

— Bone, bone; mi petas vin silenti.

— Ĉar li formanĝis tie ĉi vian tutan sapon, — montris Ciganok la subestron, — vidu kiel poluras lia vizaĝaĉo.

— Silentu!

— Ne ŝparu do!

Ciganok ekridegis, sed en la buŝo fariĝis ĉiam pli dolĉe kaj subite iel strange la piedoj komencis rigidiĝi. Tamen, elirinte en la korton, li povis ekkrii:

— La kaleŝon al la grafo Bengalia!

## V. Vi kisu kaj silentu.

La verdikto estis proklamita al la kvin teruristoj, kiel definitiva decido kaj en la sama tago konfirmita. Oni ne diris al la kondamnitoj, kiam estos la ekzekuto, sed laŭ tio, kiel oni ordinare faris tion, ili sciis, ke oni pendigos ilin je la sama nokto, aŭ plej malfrue sekvantan nokton. Kaj kiam oni proponis al ili rendevuon kun la parencoj por la sekvanta tago, t. e. la ĵaŭdon, ili komprenis, ke la ekzekuto estos vendredon je l'tagiĝo.

Tanja Kovalĉuk ne havis parencojn aŭ tiuj eble ekzistis ie en senviva loko en Malgrandrusujo kaj kredeble eĉ ne sciis pri la juĝo kaj okazonta ekzekuto. Ĉe Musja kaj Verner, kiel nekonitoj, oni tute ne supozis parencojn, kaj nur du Sergej Golovin kaj Vasilij Kaŝirin estis havontaj rendevuon kun la gepatroj. Kaj ambaŭ ili kun teruro kaj angoro pensis pri tiu ĉi rendevuo, sed ili ne kuraĝis rifuzi al la gejunuloj la lastan interparolon, la lastan kison.

Aparte Sergej Golovin turmentiĝis pro la okazonta rendevuo. Li tre amis sian patron kaj sian patrinon, tute antaŭnelonge li vidiĝis kun ili, kaj estis teruriĝata — kio do ĝi estos nun? Eĉ la ekzekuton mem, kun ĝia tuta monstra malkutimeco kaj kun ĝia, frapanta la cerbon, frenezigo, li imagis al si pli facile kaj ŝajnis ne tiel terura, kiel tiuj ĉi kelkaj mallongaj, nekompreneblaj minutoj, starantaj kvazaŭ ekster la tempo, ekster la vivo mem. Kiel rigardi — kion pensi — kion diri — rifuzis kompreni lia homa cerbo. La plej simpla kaj kutima — preni la manon, kisi, diri; « bontagon, patro, » — ŝajnis malkomprenebla terura pro sia monstra, nehoma, freneziga mensogeco.

Post la verdikto oni ne lokis la kondamnitojn kune, kiel supozis Kovalĉuk, sed lasis ĉiun en lia izolĉelo, kaj la tutan matenon, ĝis la dekunua, kiam venis la gepatroj, Sergej Golovin paŝadis en la ĉelo, pinĉis la barbeton, mizere grimacis kaj murmuris ion. Iafoje li subite dum plena marŝado haltis, enspiris la aeron plenbruste kaj elspiregis, kiel homo, kiu estas tro longe subakviĝinta. Sed li estis tiel sana, la juna vivo estis en li tiel forta, ke eĉ dum tiuj ĉi minutoj de plej kruelaj suferoj, la sango ludis sub lia haŭto kaj koloriĝis la vangojn, kaj la okuloj hele kaj naive bluetis.

Tamen ĉio okazis multe pli bone, ol supozis Sergej.

La unua eniris en la ĉambron, kie okazis la rendevuo, la patro de Sergej, ekskolonelo Nikolaj Sergejeviĉ Golovin. Li tuta estis egale blanka: la vizaĝo, la barbo, la haroj, la manoj, kvazaŭ oni vestis negxan statuon en homa vestaro; kaj ĉiam estis la sama malnoveta, peneme purigita, surtuto, odoranta benzino, kun laŭlarĝaj epoletoj. Li eniris forte, parade, per firmaj, precizaj paŝoj. Li etendis la blankan, maldikan manon kaj diris laŭte:

— Bontagon, Sergej!

— Post li malgrandpaŝe iris la patrino kaj strange ridetis. Ŝi ankaŭ premis la manon kaj ripetis laŭte:

— Bontagon, Serĝjo! — Kisis lin en la [...] pojn kaj silente sidiĝis. Ŝi ne jetis sin [...] ekploris, ne ekkriis, ne faris ion teruran, [...] supozis Sergej, — sed kisis kaj silente sidiĝ[...] kaj eĉ ordigis per tremantaj manoj la ni[...] silkan robon.

Sergej ne sciis, ke, dum la tuta an[...] nokto, la kolonelo preparis tiun ĉi [...] disvastigis ĉiujn siajn fortojn, pripen[...] dis tiun ĉi riton. Ne ŝarĝigi, sed plifacilig[...] lastan minuton de nia filo devas ni, — [...] decidis la kolonelo kaj peneme ekzam[...] ĉiun eblan frazon de morgaŭa interparolo, [...] movon. Sed iafoje li konfuziĝis, perdis ec [...] kion li sukcesis pripensi, kaj maldolĉe [...] en angulo de vakstola kanapo. Je l'mateno [...] klarigis al la edzino, kiel oni devas kon[...] dum la rendevuo.

— Ĉefa estas, kisu vi — kaj silentu! — [...] truis li — Poste vi ankaŭ povas paroli, [...] poste, sed kiam vi kisos, tiam silentu. Ne [...] rolu tuj post la kiso, vi komprenas? Ĉar se [...] vi diros ne tion, kion konvenas.

— Mi komprenas, Nikolaj Sergejeviĉ, — [...] pondis la patrino plorante.

— Kaj ne ploru vi. Dio vin gardu plori! [...] ja mortigos lin, maljunulino, se vi ploros!

— Kial do vi mem ploras?

— Kun tiaj oni eksploros! Vi ne devas p[...] ĉu vi aŭdas?

— Bone, Nikolaj Sergejeviĉ.

Sur la fiakro li ree deziris ripeti la inst[...] cion, sed li forgesis. Kaj tiel ili veturis malj[...] kurbiĝintaj, ambaŭ grizharaj kaj malj[...] kaj li pensis, dum la urbo gaje bruis: [...] navala semajno kaj en la stratoj estis bru[...] homamaso.

Trad. D-ro J. Ostrovski.

# La Faktoj

19 Aprilo. *Bukarešto.* — Alveturo de Germana Kronprinco.

20. *Berlino.* — Oni rekomencas la proceson arden-Moltke.

21. *Romo.* — Solena rememorigo de la 2662ª atreveno de la fondo de l'urbo. Inaŭguro de usto al poeto Carducci, en Kampidolio.

23. *Konstantinoplo.* — Nacia deputataro kunveninte en Sta Stefano voĉdonas la detronigon e sultano.

*Sofio.* — Anglujo rekonas la sendependecon e Bulgarujo.

24. *Venecio.* — Solena inaŭguro de l'VIIIª rta Ekspozicio.

*Konstantinoplo.* — La soldataro de Saloniko omencas atakon de la urbo.

25. *Romo.* — Beatigo de Johano Audes.

*Nico.* — Solena inaŭguro de monumento al eono Gambetta.

26. *Napolo.* — Eksplodo de la submara ŝipo « Noka » ; 13 mortintoj.

*Budapešto.* — Eksiĝo de la ministraro.

27. *Konstantinoplo.* — Sentronigo de sultano Abdul-Hamid ; kaj proklamo de Reschad Effendi, kun la nomo de Mahometo Vª.

*Sofio.* — Italujo rekonas sendependecon de Bulgarujo.

28. *Konstantinoplo.* — Aparta vagonaro vetuigas al Saloniko la detronigitan Sultanon.

30 *La Hago.* — La reĝino de Holando naskkas princidinon.

1ª *Majo. La Hago.* — Oni malfermas la arbitracian juĝejon por la franca-germana malpaco de Kasablanka.

*Pekingo.* — La kadavro de imperiestro Huang-Fsi estas sendata al la okcidenta tombejo.

2. *Romo.* — Pio Xª beatigas Stefanon kaj Teodoron Guenot kaj kunulojn ĥinajn kaj anamitajn martirojn ; kaj Franciskon de Capillas, dominikanon, Ĥinan ĉefmartiron.

*Milano.* — Inaŭguro de busto al poeto Jozefo

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## U. E. A.

### Fako Iª : ADMINISTRADO

*Diversaj avizoj.*

∴ La rezultatoj de la voĉdonado pri la deando starigita en nia lasta *Oficiala Bulteno* stos publikigataj en la proksima n°. Ni insiste etas la Del. aŭ Subdel., kiuj tion ne ankoraŭ ris, ke ili bonvolu rapidigi la sendon de la espondilo.

∴ Estas nun en preparado la *Tria eldono* de a *Oficiala Jarlibro*. La teksto de tiu libreto stos revidata kaj kompletigata, laŭ la plej astaj cirkuleroj kaj bultenoj ; ĝi enhavos la ldonojn al la regularo kaj klarigojn pri novaj ervoj de U. E. A. Krom tio, la listo de Del., ubdel., konsuloj, k. a. estos plene revidata aj laŭalfabete ordigata (kun la aldonoj de la ntaŭaj serioj).

∴ Jus aperis la *hispanlingva* eldono de la ropaganda broŝuro pri U. E. A.

∴ La Delegitoj kaj Vicdelegitoj, kiuj ne nkoraŭ elektis *Vicdelegiton* (anstataŭanton) stas insiste petataj tion fari kiel eble plej aldaŭ. La Vicdelegito anstataŭas la Del. aŭ ubdel., en la okazo se ĉi tiu iel ne povas pleumi sian taskon, kaj lin helpas en la ordinara empo.

*Aliĝoj.*

Ni plezure ekscias, ke la nombro de la Esperantianoj, kies membrolistoj estis senditaj al i, atingas ĉirkaŭ *3.300*. Ni petas ĉiujn Del. Subdel., kiuj ne ankoraŭ komunikis siajn embrolistojn, ke ili tion faru plej baldaŭ. Je 1ª de Julio, laŭ la regularo, ĉiuj ĝisnunaj el., kiuj ne estos varbintaj minimume 20 memrojn, fariĝos Subdelegitoj ; ni do petas, ke ni rapidigu la alsendon de la aliĝoj. Estas ecese, ke en ĉiu loko ekzistu almenaŭ tia miimumo de Esperantianoj.

Ni povas publikigi en ĉiu n° nur 300-400 liĝojn, por ne okupi tro da loko ; ni do petas aliĝintojn, ke ili bonvolu paciencigi. Ĉiuj omoj estos siatempe presitaj.

*Novaj Subdelegitoj.*

Amberg (Germane-Bavar.). — S-ro P. Stolz.

Astrakan (Rusujo). — S-ro L. Evstratov, arevskij batalion.

Austin (Usono, Minnesota). — S-ro C.-H. ibbons.

Bombay (Hindujo). — S-ro S.-B. Vaidya, Vaidya Bros.

Braine-le-Comte (Bel.-Hanaut). — S-ro H. ohisse, rue Neuve, 1.

Cartagena (Hispanujo). — S-ro J.-G. Marnez, Mayor, 11.

Chicago (Usono, Ill.). — S-ro E.-M. Pape, 04 Scurity Build.

Donauworth (Germane-Bavar.). — S-ro L. riff, banko Rees.

Heinola (Finlando). — S-ro J. Ruokonen.

Leicester (Anglujo). — S-ro Mugglestone, sperant-House.

Manila (Filipinoj). — S-ro I. Arnalot, Hotel le France.

Montargis (Franc.-Loiret). — S-ro Th. Desrosses, rue Gambetta.

Vladivostok (Siberio). — S-ro Lebedevič-raevskij, Orienta Instituto.

Worishofen (Germane-Bavar.) — S-ro M. eah, Villa Kimmerle.

Entute 614 lokoj kun 204 Del. kaj 428 Subdel.

*Ŝanĝoj* : La Del. en *Breslau*, anst. S-ro pahr, forvojaĝinta, estas S-ro Arnold Behrendt ugustastr. 16-II. — La Subdel. de *New-York-Brooklyn*, S-ro H.-D. King, varbinte 20 membrojn, fariĝis Delegito. — La Subdel. de *London-Nordo*, S-ro G.-L. Browne, varbinte pli ol o membroj, fariĝis Delegito. — La Subdel. e *S.-Paulo*, S-ro H. Amaral, loĝas nun Rue ibero Badaro 40. — La Subdel. de *Norwich* Angl.). estas S-ro R.-W. Cook, Victoria Str. — La Vicdel. en *Leipzig* estas S-ro E. Heyne, lisenstr. 75.

### Fako : FINANCOJ

*onata Raporto : Etato de la Financoj je la 1ª de Majo 1909*

| | | Enspezoj | Elspezoj |
|---|---|---|---|
| ako Administrado..... | ₷ : | 167.92 | 259.95 |
| ubfako Varbado...... | | 1.05 | 6.74 |
| ubfako Ekspedado.... | | | 55.92 |
| ako Financoj......... | | 66.09 | 18.82 |
| ako Junuloj.......... | | 3.12 | 1.97 |
| Sumoj....... | | 238.18 | 343.40 |
| n kasoj la 1an de aprilo. | | 373.72 | |
| n kasoj la 1an de majo. | | | 268.50 |
| Bilanco...... | | 611.90 | 611.90 |

La enspezoj dum Februaro kaj Marto estis ₷ 422,27 kaj superis la antaŭ viditajn ensepezojn je ₷ 59,79.

La elspezoj dum la samaj monatoj estis ₷ 299,41.

El la ₷ 268.50, kiujn ni havas en kasoj, ₷ 112.66 estas en la banko « Crédit Lyonnais ». La cetera monsumo estas en la kasoj de la diversaj Fakoj, por la ĉiutagaj elspezoj.

Ni antaŭ vidis ke dum la monatoj februaro kaj marto la enspezoj estos ₷ 350.48. Ili estis ₷ 422.27.

Ni antaŭvidis ke dum la monatoj aprilo, majo, junio, la enspezoj estos ₷ 250.33 ĉiumonate. Ili do estis nur iomete malpli altaj dum aprilo.

Ni antaŭ vidis ke, dum la monatoj februaro kaj marto, la elspezoj estos : ₷ 593.24. Ili estis : ₷ 299.41. Sed ni pagis dum aprilo ₷ 212 kiuj estis kalkulitaj kiel elspezotaj dum marto. Resume el la ₷ 593.24 antaŭviditaj ni elspezis nur ₷ 511.41 kaj havas profiton da ₷ 81.83.

Ĝis la 18ª de majo 3173 esperantianoj realiĝis por 1909.

Tiu nombro konsistas jene :

| | |
|---|---|
| Granda Britujo | 414 |
| Germanlingvaj landoj, Bohemujo, Hungarujo, t. c. | 810 |
| Francujo | 769 |
| Italujo | 34 |
| Hispanujo | 221 |
| Rusujo | 359 |
| Skandinavaj landoj | 74 |
| Malgrandaj landoj | 296 |
| Azio | 32 |
| Afriko | 8 |
| Norda Ameriko | 93 |
| Suda Ameriko | 13 |
| Aŭstralazio | 50 |
| | 3.173 |

Niaj plej koraj dankoj al niaj Delegitoj kaj Subdelegitoj kaj nun, *rapide antaŭen al la kvara milo !*

La Financa Fakestro,
Th. Rousseau.

### Fako IIIª : KONSULOJ

I (= ĝeneralaj, informoj, turismo) ; K (= komerco) ; V (= virinoj) ; J (= junuloj).

*Abbeville* : F-ino Piat. V ; D-ro Noulliès J. — *Avignon* : S-ro X. Rousset K. — *Beauvais* : S-ro Moibleg J ; S-ino Beauvais V ; S-ro Demarcy K. — *Bristol* : R.-W. Gilliard K. — *Leipzig* : B. Kotz K.

*Rajtigaj Kartoj.*

Ni sendigis al ĉiuj Del. & Subdel. rajtigajn kartojn por la diversfakaj konsuloj de ilia regiono ; ili bonvolu plej baldaŭ disdoni la diritajn kartojn al la koncernataj konsuloj. Tiu kartoj utilos por pruvi ilian postenon en nia Asocio precipe kiam ili bezonos interrilati kun eksterasociaj aŭtoritatoj, ĉu por peti informojn, ĉu por fari klopodojn pri U. E. A.

### Fako IVª : ESPERANTO-OFICEJOJ

*Novaj Esperanto-Oficejoj.*

*Abbeville* : Librejo P. Duclercq, 22, rue Alfred-Cendré ; Librejo Cufay, 1-3, rue Saint-Wulfram. — *Beauvais* : 20, rue Saint-Pierre. — *Bukarest* : Librejo Alcaly, Calea-Victoriei, 36 ; Librejo Nova, Calea Victoriei, 78. — *Bromberg* : F. Ebbecke, Baerenstr., 8. — *Moulins* : Librejo Place, 48, rue d'Allier.

*Enketo pri Esp.-Of.*

La komitatano de fako IVª adresis al ĉiuj Del. & Subdel. cirkulero-leteron por ekscii pri la funkciado de ilia Esp.-Of. kaj necesaj detaloj por ke nia Jarlibro estu kiel eble plej korekta en tiu rilato. Ni petas ĉiujn interesatojn, ke ili plej baldaŭ zorge respondu tiun enketon kaj klopodu pri la punktoj, kiuj ne estas ankoraŭ plenumitaj konforme al niaj instrukcioj.

### Fako : Vª TURISMO

*Vojaĝoj al la Kongreso*

Pri tiu demando niaj Del. kaj membroj bonvolu legi la ĉi-postan artikolon. Aliĝiloj kaj cirkulero estos baldaŭ sendataj al niaj Del. & Subdel. pri tiu demando.

*Gvidfolioj.*

Ni rememorigas, ke oni plej baldaŭ sendu la manuskripton por tiuj gvidfolioj. Ĉiuj lokoj, precipe tiuj, kiuj kuŝas sur la vojo al la kongreso, nepre bezonas havi.

Kelkaj grupoj, ŝajnas, intencas mem eldoni siajn gvidfoliojn. Kontraŭ ĉi tio ni nenion havas ; tamen, ni rimarkigas, ke ĉar niaj membroj estos la plej oftaj uzantoj de tiuj gvidfolioj, estas necese, ke ĉi tiuj estu kiel eble plej unuforme redaktataj. t. e. estu samformataj, havu similajn informojn, k. t. p. Plie, ni atentigos, ke la kondiĉoj, kiujn ni proponas (4 ₷ por milo) estas tre favoraj por la grupoj.

Al la grupoj, kiuj deziras enmetigi ilustrajojn, ni rimarkigas, ke bildoj multe pli taŭgas por alloga *gvidlibro* ol por simpla *gvifolio*, kiu antaŭ ĉio celas liveri la plej utilajn informojn al la vojaĝanto.

### Fako VIª : KOMERCO & INDUSTRIO

*Reklamo.*

Nia subfako por reklamo jam kontentige funkciis por kelkaj Esperantiaj Entreprenoj, kiuj uzis iliajn servojn. Ni rememorigas ĉiujn Del. & Subdel., ke kiam ili ricevas pakaĵon de reklamiloj stampitaj de la *reklama subfako* de U. E. A., ili havas la devon ilin disdoni kiel eble plej zorge al la Esperantistoj de sia loko, speciale ĉe la grupaj kunvenoj, kiuj estas la plej konvena loko por tio ; ili ankaŭ nepre elmetu unu ekz. ĉe la fenestrego de la Esp.-Oficejo.

*Bologna Ekspozicio.*

Ni tre petas, ke en celo propaganda por U. E. A., niaj komercaj konsuloj bonvolu presigi en la gazetojn de sia loko, ke U. E. A. ricevis grandan premion kaj oran medalon ĉe la Internacia Bologna Ekspozicio kaj ke unuafoje la dirita ekspozicio uzis Esperanton kaj la servojn de U. E. A. por siaj eksterlandaj aferoj. Oni sendu al ni 1 ekz. de la gazetoj, en kiuj aperos la dirita artikolo.

*Barcelona Kunveno.*

La plej bona propagandilo inter komercaj rondoj estas la traktado kaj priparolado de praktikaj demandoj, unue dum la Barcelona kongreso.

Tial mi proponas laŭ § 33 de nia regularo jenan tagordon per la kunvenoj de fako komerco kaj industrio :

I. Raporto pri la ag do de fako komerco kaj industrio ;

II. Pri malkarigo de l'universala poŝttarifo kaj aliaj deziroj de l'komercistaro rilate al internacia poŝttrafiko ;

III. Pri universala kambijuro kaj la vojo por atingi ĝin ;

IV. Pri internacia organizado de la traduka servo (kreado de ĉiulandaj tradukistaroj) ;

V. Pri plibonigo kaj plivastigado de l'internacia servo rilate al kreditinformo ;

VI. Diversaĵoj, inicialoj de membroj.

Kiam la tagordo estos aprobita la komercaj konsuloj ricevos la tekston de decidoj por la kunveno, kiujn oni intencas proponi.

Jam la traduko de tiu-ĉi tagordo en naciajn lingvojn kaj enpresigo en la ĉefajn gazetojn helpos al ni multe, tion mi esperas.

## Esperantiaj Entreprenoj

(2ª Listo)

**Nord-Londona Esperanto-Instituto** (S-ro G.-A. Browne, London).

**Bohema Unio Esperantista** (prez, J. Hradil, Praha).

**Agentur Malher & Jackiewicz** (reprezentado Warvarskaja ploŝĉad-Moskvo).

**Esperanto-Librejo** (S-ro Titov, Valovaja

**Syndicat d'Initiative de l'Ain** (Bourg).

**Hotelo Gothard** (Bern, Svis.).

**Pension-hotelo Hagen** (Esperanto-Eldorado, Adelboden).

**Vicente Herrero Josque** (meblofabrikejo. — Teruel).

**Julius Fischer** (maŝinfabrikejo-Nordhausen.

Entute *35* Esperantiaj Entreprenoj.

∴ Al ĉiu Esperantia Entrepreno estas sendita rajtiga karto kun ekz. de nia Oficiala Jarlibro. Ĉiu Esp.-ia Entrepreno ricevas ordan numeron. Tiu numero estas formata per la n° de la regiono, en kiu sidas la entrepreno, al kiu oni aldonas signon ; kaj la non de aliĝo (1, 2, 3, 4, k. t. p.).

∴ Nia venonta n° enhavos detalan artikolon pri la demando de *Esperantiaj Entreprenoj* kaj *Esperantiaj Asocioj*, pri kiu nun estas sendata cirkulero al ĉiuj grupoj Esperantistoj.

## AL NIAJ LEGANTOJ

∴ Pro la dua striko de la francaj poŝtistoj, dank'al kiu la alsendo de kelkaj niaj manuskriptoj estis interrompita, ni ne povis aperigi la novan liston de Esperantianoj en nia lasta n°. Pro la sama kaŭzo, la ekspedado de Esperantiaj mendoj suferis prokraston pli-malpli senteblan. pri kiu oni bonvolu kulpigi ne nin sed la poŝtan administracion.

∴ *Ni tre petas niajn britajn, hispanajn, usonajn, abonintojn.* (En tiuj landoj la poŝto ne akceptas repaŭojn), *kiuj ne deklaris, ke ili malabonas ESPERANTO kaj ne ankoraŭ pagis sian reabonmonon ke ili bonvolu tuj sendi ĝin al la jenaj adresoj, respektive :*

*Britujo :* Ĉekbanko Esperantista, Tandem Building, Merton Abbey. London F.-W.

*Hispanujo :* S-ro P. Linares, inĝeniero, *Cordoba.*

*Usono :* S-ro C.-H. Fessenden, *Newton-Centre* Mass).

## NEKROLOGIO

### Ernest Pointer

Ni kun profunda bedaŭro eksciis pri la morto de nia kara kaj sindonema kunlaboranto de U. E. A., S-ro **Ernest Pointer**. Naskita en Winchester (Anglujo), S-ro Pointer estis aĝa nur je 27 jaroj ; li enloĝiĝis en Bedford, kie li iniciatis la Esperantistan movadon de tiu urbo kaj aktive partoprenis al poresperanta agado en Britujo. Je la komenco de nia asocio, li tuj aliĝis al ĝi kaj fariĝis Delegito en Bedford. De tiu tempo li pli kaj pli interesiĝis al U. E. A. En Dresdeno ni havis la plezuron persone konatiĝi kun li kaj priparoli detale la aferojn de nia asocio. Ni tiam povis konstati kiel plene li komprenis la esencajn principojn de U. E. A. Dezirante helpi al nia tasko, li proponis siajn servojn kiel helpanto al nia komitato. Lia kunlaborado fariĝis ĉiam pli aktiva, tiom kiom permesis lia sano.

Li ne timis la materialajn taskojn kaj ilin plenumis kun tia zorgemeco kaj seriozeco, kiuj lin karakterizis. Al li ni ŝuldas multe da utilaj laboroj ; lastatempe li estis komisiita al subfako, Varbado, kaj dank'al lia senhalta tasko U. E. A. kalkulas tiel multe da Subdelegitoj en granda nombro de lokoj. Dume, li interesiĝis pri ĉiuj demandoj rilataj al la disvastigo kaj pliprosperigo de U. E. A., ilin atente studis kaj nin multe helpis per siaj rimarkoj kaj konsiloj, esence praktikaj kaj saĝaj. Ĝis la lasta tempo li sin okupis pri U. E. A., malgraŭ sia malsano, ĝis la fino pensis kaj parolis pri nia movado. Nur ok tagojn antaŭ sia morto li sendis al ni la anglan tradukon de nia propagandilo kaj aldonis longan leteron pri niaj diversaj projektoj. Jen, la morto ne atendite forprenis de ni tiun tiel modestan kiel sindoneman kunlaboranton, kies plej karaj pensoj kaj pripensoj konstante iris al Esperantismo. Lia familio bonvolu akcepti en la nomo de U. E. A., nian plenan simpation, okaze de la granda malfeliĉo, kiu ĝin atingas.

H. Hodler.

## Esperantiaj Informoj

**Bad Reichenhall** (Bavar.). — En tiu tre konata kuracloko, kien ĉiusezone venas multe da fremduloj, ekdisvastiĝas U. E. A. Gvidfolio estas eldonata, Esp-Oficejo malfermiĝis kaj oni preparas gvidlibron.

**Bolognia** (Ital.). — Sekve de la sukcesa ekspozicio, kie aperis Esperanto, S-ro Tellini, Subdel. de U. E. A., malfermis la unuan Esp. kurson en tiu loko.

**Danzig** (German.). — Daŭras en tiu urbo la progresoj de U. E. A., kiu nun kalkulas ĉirkaŭ 140 membrojn. Imitinda ekzemplo.

**Moskvo** (Rus.), — La progresoj de U. E. A. ĉiam pligrandiĝas. Nia membraro kalkulas nun en Moskvo ĉirkaŭ 130 anojn.

**New-York** (Uson.). — U. E. A. komencas penetri en la Usonan urbegon. S-ro King, varbinte pli ol 20 membrojn, fariĝis Del. Ĉiuj konsuloj estas nun elektitaj.

**Helsingborg** (Sved.). — Ni altiras la atenton de ĉiuj niaj Del. & Subdel. al la interesa iniciato de nia Del. en Helsingborg, S-ro Backman. Farinte sukcesan Esp. kurson al knabinoj, li intencas organizi, en la nordaj landoj, rondvojaĝon por la plej lertaj el ili. La vojaĝo etendiĝos ĝis Dresdeno kaj enhavos dumvoje la urbojn Kopenhago, Kiel, Lübeck, Hamburg-Altona kaj Berlin. Nia Del. uzos la servojn de U. E. A. por ĉi tiu vojaĝo kaj sekve petas, la Del. de la supre cititaj urboj, ke ili bonvolu helpi al la aranĝo por la akcepto de la ekskursantinoj ; li esperas, ke Esp.-istaj familioj bonvolos enloĝigi la infanojn dum ilia restado. La vojaĝantinoj estos nombre ĉirkaŭ dek kaj estos akompanataj de du aŭ tri instruistinoj kaj de nia Del. En ĉiu loko vizitata estos aranĝataj festoj, ĉe kiuj oni volas prezenti al la ĉeestantoj, kiel oni aplikas la svedan gimnastikon en la svedaj popolaj lernejoj. S-ro Backman Esp. parolados pri Henrik Ling, « la patro de l' sveda gimnastiko », kaj la knabinoj kantos kaj deklamos ; ĉiuj tre bone scias Esp. Ni tre petas niajn Del., ke ili bonvolu laŭ sia tuta povo helpi al tiu interesa entrepreno, kiu tre utilos por diskonigo de nia afero.

**London** (Anglujo). — S-ro S.-R. Marshall, komerca, konsulo, klopodis enkonduki Esp. en la instruajaron de grava libertempa lernejo (Ambleside Summer Course) ĉe Ambleside en la Angla Lag-distrikto. Tiun libertempan lernejon vizitas ne nur Angloj, sed ankaŭ diverslandaj personoj. Unu el niaj proksimaj Nos en havos detalan raporton pri tiu institucio, kiu povas alporti multe da bono al nia afero.

∴ La 17an de Julio okazos ĉe la « Imperial International Exhibition » Esperanto-tago, por kiu oni preparas belegan programon. La ekspozicia komitato volonte permesis por la kunvenoj uzon de unu el la grandaj haloj en la ekspozicio. Ĝi ankaŭ redaktigos kaj disdonigos Esperantajn prospektojn por konigi fremdlanden la ekspozicion kaj altiri al ĝi vizitantojn. Ni en proksima N° informos detale pri la programo de tiu grava manifestado.

**Saint-Etienne** (Franc.). — Ilustrita gvidlibro pri Saint-Etienne aperis la 15 Majo ; ĝi rilatas la komercon, industrion, vidindaĵojn de l' urbo, specialajn lernejojn, ekskursojn, k.t,p. La Esp. fako informas pri la grupo, komerca kaj industria sekcio esp., kaj la reprezentantoj de U. E. A. en Saint-Etienne, kun iliaj adresoj. Oni sendas la gvidlibron al la francaj grupoj kaj samideanoj kontraŭ 4 Sd. (p. marke) ; alilande 10 Sd. (respondkupone). Oni sin turnu al la Del. de U. E. A. (S-ro E. Gabert, recette municipale, Hôtel de Ville). Aliparte la Iniciata Sindikato de Forez akceptis presigi en sia gvidlibro bonegan artikolon pri la ĝenerala stato de Esp. kaj la praktikaj rezultatoj jam atingitaj. Kompreneble U. E. A. okupas la unuan lokon en tiuj esp. organizoj. Jen estas ekzemplo imitinda en ĉiuj regionoj kaj facile farebla ĉar la estraro de preskaŭ ĉiuj iniciataj sindikatoj estas favoraj al nia afero.

**Vichy** (Franc.). — De nun plene funkciadas banejoj, kazino, teatro, koncertoj, k. t. p. Inter sia cent mil gastoj sezonaj, tiu tutmonda akvurbo certe ricevas multajn Esperantistojn : al ili, la plej bona samideana akcepto, kaj dezirindaj informoj, ĉe la Subdelegito de U. E. A. (D-ro Clerc, rue des Célestins, 10, de 3 h. ĝis 4 h.), kiu ankaŭ letere respondas.

La Hotelo de Menton (esperantia entrepreno), kie esperanto kompreniĝas, estas tute rekomendebla.

**Konigsberg** (German.) — Ĝis nun la membronombro de la Esperantianoj en nia urbo staras je la kvara loko en Germanujo, nome kun 33 geesperantianoj. La konsulo por komerco kaj industrio S-ro Kossak, faris tre bonan propagandon por U. E. A. en komercrondoj. S-ro Pietvzĝik, priparoladis en tre bone vizitata kunveno pri « Ruĝa Kruco kaj Esperanto » kaj sukcesis ke 40 anoj de la ruĝa kruco fariĝis membroj de nia Grupo Kurso por ili sub gvido de S-ro P. Fast Remenrar. La unuagrada ekzameno (atesto por lernado) okazio en monato aprilo por 9 membroj de la grupo kun bona sukceso. Ĝis nun en Germanujo nur la Hamburga grupo aranĝis ekzamenojn inter grupanoj.

## La Vojagoj al la Vª Kongreso

Proksimiĝas la momento de la Barcelona kongreso, kaj jam la devo de ĉiuj Esperantistoj estas pripensi al ĝi kaj fari sian tutan eblon por ĝin ĉeesti. La ĉefa konsidero, atentata de niaj samideanoj, estas la kosto de la vojaĝo kaj restado. Ni jam nun povas certigi, ke ambaŭ estas malmultekostaj kaj certe ne povos malhelpi multopan alveturon al la Kongresurbon. La francaj kaj hispanaj fervojoj donos al ĉiuj kongresanoj 50 o/o da rabatokio senteble plimalkarigas la vojaĝon. Aliparte, por la restado, la Loka Kongresa Komitato eldonis biletojn po 14 ₷ (klaso A), 21 ₷ (klaso B), 35 ₷ (klaso C) ; tiuj biletoj rajtigas al septaga ĉambro kaj manĝado. Ĉiu do povas de nun proksimume starigi sian buĝeton atentante ke la ir-reira bileto en Francujo kaj Hispanujo, kun rabato, estas, rilate al la prezo, egala al la ira bileto de la ordinara tarifo, proksimume. De Marseille ĝis Barcelono, ni povos verŝajne uzi ŝipon, kies prezo (ir-reiro) ne superos 10 ₷. Al la vojaĝaj kaj loĝaj elspezoj oni aldonu la Kongresan bileton (4 ₷).

Kiel la pasintan jaron, kaj profitante la spertojn faritajn, la turisma fako de U. E. A. zorgos pri la aranĝo de *karavanaj* al la kongresurbo. La karavanoj kunigos ĉiujn personojn, kiuj deziras vojaĝi are kaj plifaciligi al si la veturon. La prezo por izolaj kaj opaj vojaĝontoj estos sama. La turisma fako klopodas nun por ke ĉiu kongresano povu aĉeti internaciajn rondbiletojn en sia lando, ke en tiuj biletoj verŝajne (ĉar la afero ne ankoraŭ estas definitiva) estos enkalkulita la rabato de la Francaj kaj hispanaj linioj.

Oni studas nun la horaron de du grandaj karavanoj : unu tra Varsovie-Bromberg-Berlin-Frankfurt-Basel-Genève-Lyon-Marseille-Barcelona. (De Marseille ĝis Barcelona ŝipe) ; alia tra Calais (por Britoj)-Paris-Limoges-Port-Bou-Barcelona. Akceptoj estos aranĝataj en la ĉefaj halturboj. Plie, por nord-germanoj estas studata vojaĝo de Hamburg tra la Kanalo ĝis Bordeaux aŭ San-Sebastian por la iro, kaj tra Bordeaux-Paris-Berlin por la reveno. Sudgermanoj kaj aŭstrianoj uzos la vojon tra Romanshorn-Zürich al Genève.

La karavanoj de U. E. A., laŭ la faritaj spertoj, konsistos el personoj de du specoj : tiuj, kiuj nur deziras vojaĝi kune kaj ŝatas mem zorgi pri sia hotelo kaj manĝo en la halturboj ; tiuj, kiuj deziras kune vojaĝi kaj esti malŝarĝataj je ĉia materiala prizorgo. Por la lastaj ni post ilia aliĝo zorgos pri nekaraj hoteloj kaj manĝoj en la halturboj.

Jen estas ĝenerale la principoj laŭ kiuj estos aranĝataj niaj karavanoj. Post ne longe aperos ilia programo kaj horaro, kaj aliĝiloj estos dissendataj al ĉiuj Del. & Subdel. de U. E. A. por la interesatoj.

Ni konsilas al la kongresontoj, ke ili de nun mendu sian bileton kaj kongreskarton. (Vidu aliĝilon sur la 5ª paĝo de ESPERANTO.

## ESPERANTIA PAROLEJO

### Pri Markoj

Por la pligrandigo de la monaj rimedoj de U. E. A. mi proponus presigi esperantajn markojn, en formato de simplaj naciaj poŝtaj markoj, havantajn la figuraĵon de nia Majstro D-ro Zamenhof kaj kun subskribo ĉirkaŭ li : « *Lingvo Internacia Esperanto* » aŭ : « *ESPERANTIO :* » kaj sur la anguloj kosto. La Esperantistoj devus pagadi per tiuj markoj siajn leterojn, precipe leterojn, senditajn per ili al diversaj Esperantiaj organizaĵoj, societoj, al fakoj de U. E. A., al Del, Subdel, konsuloj k. t. p. La leteroj, ne havantaj sur la kovertoj la esperantistan « poŝtan » markon, povas esti restigataj sen respondo. La rajto presigi tiujn ĉi markojn devos aparteni al U. E. A, kaj ili devos esti vendataj ĉe ĉiuj Fakoj de U. E. A., en Esp.-oficejoj, S-Delegitoj, Konsuloj k. t. p. Mi esperas ke mia propono elvokos la sanĝon de opinioj de flanke niaj legantoj kaj fariĝos (se tiu ĉi estos bezone). la objekto de disputoj en la kvina kongresso. La esp. marko devos esti surgluata sur la kovertoj apude de nacia marko aŭ en alia loko.

La Esp. gazetojn mi petas transpresigi tiun ĉi mian proponon.

A. Zakrjevski.
S-Delegito de U. E. A.
Ekaterinodaro (Rusiando).

### Pri la Kongreso

La delegitaro de U. E. A. havas ĉiam multege da diversaj aferoj por pridiskutado dum la ĉiujara ĝenerala kongreso. Tamen bedaŭrinde ne ĉiu delegito povas ĉeesti kongreson.

Do, ĉu ne estus bone dividi la tutan delegitaron en iajn partojn, regionojn, kies anoj estus devigitaj de tempo al tempo, nepre antaŭ ĉiujara kongreso, kunvenadi, pridiskutadi diversajn aferojn kaj fine elektadi unu inter si kiel reprezentanton al tutmonda kongreso. La nomita reprezentanto, elektebla el inter ĉi tiuj, kiuj intencas partopreni en la kongreso, havus rajton en ilia nomo voĉdoni kaj starigi deciditajn de ili proponojn.

Por ebligi al delegitoj la partoprenon en la kongreso mi starigas ankaŭ jenan proponon :

Oni fondus kapitalon destinitan por tiu ĉi celo tiamaniere, ke ĉiu delegito pagos apartan jaran kotizaĵon, ekzemple 2 Sm.. kiujn li cetere tre facile povas profiti el sia tutjara delegita agado.

Ni supozu, ke estas 500 delegitoj kaj subdelegitoj pagantaj po 2 Sm. te. 1000 Sm. El tiuj ĉi 500 delegitoj ne veturos kongreson pli ol 50 rajtigitaj reprezentantoj, kiuj povus ricevi el tiu ĉi kapitalo, ĉiu po 20 Sm. te. sumon sufiĉantan por pagi kongreskarton kaj loĝadon en kongresurbo. Esperantio mendante mem 50 loĝejojn kune ricevus tute certe rabaton kaj pagus malpli-kare. Se ni aldonos, ke U. E. A. klopodos pri malaltigo de l'fervojprezoj unuavice por delegitoj de U. E. A., la veturado al la kongreso estus tre plifaciligita kaj plibeligita.

Komprenеble, ke tiu ĉi subvencio estus destinita en unua vico nur por delegitoj elektitaj de la regiona delegitaro kiel ĝia reprezentanto kaj de ĝi proponita por tiu ĉi subvencio.

Koncerne fervojprezoj mi pensas, ke se la Komitato de U. E. A. sin turnus al fervojdirekcioj kaj ministrejoj klarigante la gravecon de la kongresoj kaj kunvenadon de diversnaciaj delegitoj, ricevus por ili ne nur 50 sed 70 o/o da rabato.

Se tiu ĉi propono estus efektivigebla oni povus ĝin arangi ankoraŭ antaŭ la barcelona kongreso. S. RUDNICKI (D. Krakow).

## Enketo

Stanislav Rudnicki, delegito de U. E. A. en Krakvo (Austrio, Galicio), petas insiste tutmondajn delegitojn en kies loko troviĝas plej ĉefaj hospitaloj, por ke ili volu respondi al li sekvantajn demandojn:

1. Ĉu la hospitalo estas registara, landa aŭ privata? Ĝia nomo? Jara meznombro da malsanuloj?

2. La agadmaniero (ne el medicina vidpunkto) kun malsanulo de la akcepto en hospitalo ĝis lia foriaso? Ĉu kaj kiajn dokumentojn li bezonas por esti akceptita. En kiaj libroj oni enskribas akceptitajn malsanulojn? Kio okazas poste kun ĉiuj aktoj? Kiamaniere oni ekzekucias la hospitalkostojn? Kio estas necesa por tio?

3. Kiamaniere estas arangita la servo en akceptejo? Kie kaj kiam la malsanulo senvestiĝas? Kio okazas kun vestoj de l'malsanuloj?

4. Kiel longe povas normale la malsanulo resti en hospitalo? Kio okazas se lia malsano ne taŭgas por hospitala kuracado? se li estas ankoraŭ tiel malforta, trojuna aŭ maljuna aŭ fine malriĉa, ke onj lin ne povas senzorge lasi sur la strato?

5. Kio okazas kun mortintoj Ĉu oni sciigas iun pri lia morto, kiun kaj kiamaniere?

6. Kiom da kuracistoj en hospitalo? Kiom da oficistoj. Kiamaniere estas la tuta laboro inter oficistoj dividita? Taskojn de ĉiu oficisto? Kiel longe ili ĉiutage oficas? Kie ili loĝas, en aŭ ekster la hospitalo? Iliaj titoloj kaj salajro?

Respondante, bonvolu aldoni ĉiujn presaĵojn, tradukitajn esperante, kiujn uzas oficistoj por plifaciligi kaj plisimpligi la laboron.

Ĉar la rezultatoj de tiu ĉi enketo estas nepre bezonaj antaŭ la barcelona kongreson mi petas sendi respondojn *kiel eble plej baldaŭ*, nepre ĝis fino de julio.

Mi preferus, ke la lasta frazo koncernus nur la delegitojn de malproksimaj lokoj.

Ĉiuj poŝtelspezoj estos tuj post ricevo de l'respondo rekompencotaj.

⁂

Ni tre petas ĉiujn niajn Del. kaj Subdel, ke ili bonvolu kiel eble plej helpi al la enketo de nia Del. per respondo al la supra demandaro.
U. E. A.

## 7ª LISTO de ESPERANTIANOJ

### Kiuj pagis por 1909

MONTROSE (41.31.1). — S.-D S-ro J.-D. SIMPSON. — 1. S-ro J.-D. Simpson. *Tuta sumo*: 1.

HELENSBURGH (41.371). — S.-D. S-ro R. COLQUHOUN. — 1. S-roj R. Colquhoun; 2. J.-Mc Dougall. *Tuta sumo*: 2

GLASGOW (41.43.2). — D. S-ro R.-J. MACLAREN. — 1. F-inoj M.-S. Yuile; 2. E. Black; 3. M.-H. Taylor; 4. G.-B. Miller; 5. D-ro G.-F. Pollock; 6. S-ino M.-C. Pollock; 7. F-ino J. Dalglish; 8. S-ro J. R. Maclaren. *Tuta sumo*: 8.

EDINBURGH (41.44.1). — D. S-ro S.-M. WARDEN. — 1. F-ino A. Mackenzie; 2. S-roj L.-J. Cow; 3. W. Harvey; 4. A. Heron; 5. F-inoj A.-A. Adam; 6. E.-D. Deans; 7. A.-D. Deans; 8. S-ro G.-W. Campbell: 9. F-ino A. Robb; 10. S-ino D-rino I. Mears; 12. S-roj W.-A. Wilson; 13. H.-B. Nichol; 21. F-ino M.-C. Jolly; 22. S-roj J. Fraser; 23. E.-W. Redding; 24. F-ino H.-E.-S. Cotterel; 25. S-roj G.-W. Wight; 26. W. Rae; 27. C.-J. Macgregor; 28. A. Funk; 29. J. Mallock; 39. J.-M. Warden; 14. I.-H.-J. Robertson. ........ *Tuta sumo*: 29. *Hodiaŭa sumo*: 23.

LONDONO-Sᵀ-GEORGE-IN-EAST (42-1). — D. S-ro P. KALISKY. — 1. S-ro A.-S. Levy; 2. F-ino L. Levy; 3. S-roj E. Levy; 4. J. Gourlay; 5. R. Metzche; 6. J. Levy; 7. S-ino Levy; 8. S-roj M.-J.-O. Keeffe; 9. R. Scott; 10. J. Kiel; 11. M. Aubert; 12. F-inoj D. Bellamy; 13. A. Abrahams; 14. B. Cohen; 15. S-ro J. Rees; 16. S-noj Rees; 17. S-ro D. Davis; 18. S-no D. Davis; 19. F-ino Hutchinson; 20. S-roj C.-A.-G. Browne; 21. C. Isaac; 22. P. Cameron; 23. C. White; 24. E. Etchelles; 25. Soames; 26. F-ino L. Grant; 27. S-roj P. Harris; 28. M.-C. Butler; 29. Sharp; 30. S-ino M. Cox; 31. S-roj S. Graham; 31. C. Belstead; 32. W. Makay; 33. S. Hare; 34. H. Akerman; 35. S-ino J. Kaye; 37. C. Cooper; 38. H. Torpey; 39. F-ino Gulson; 40. S-ro E. Bartolomew; 41. C. Chollet; 42. S-ino Moschelles; 43. F-ino Roche; 44. S-roj S. Shapiro; 45. S. Vockins; 46. H. Cook; 47. F-ino E.-A. Sawyer; 48. S-roj W. Belsted; 49. Grimmitt; 50. P. Kalisky. ........ *Tuta sumo*: 50.

TILSITT (43.11.21). — S.-D. S-ro D-ro CAZANOWITZ. — S-roj K. Krohn; 12. M. Riel; 13. H. Rudberg. *Tuta sumo*: 13. *Hodiaŭa sumo*: 3.

BERLIN (43.15.22). — D. S-ro D-ro W. MARCHAND. — 22. S-roj A. Jaekel; 23. W. Uellwig; 24. H. Tansegrau; 25. O. Fromm; 26. O. Last; 27. O. Freitag. *Tuta sumo*: 20. *Hodiaŭa sumo*: 6.

MAGDEBURG (43.18). — D. S-ro F. ROCKMANN. — 1. S-roj E. Stark; 2. O. Graeger; 3. S. Goring; 4. O. Wilde; 5. W. Sohmeil; 6. Hermann; 7. Fuhrmann; 8. Müller; 9. F-inoj Küster; 10. Frædrich; 11. S-roj Kirster; 12. D-ro Hirsch; 13. Loose; 14. S-ino Helmbold; 15 S-roj Uhlmann; 16. Diekmann; 17. Usbek; 18. S-ino A. Blasing; 19. F-inoj M. Hildebrandt; 20. K. Hildebrandt; 21. S-roj Fischer; 22. Huysmanns; 23. Michaelis; 24. H. Usbek; 25. F-ino Simon; 26. S-inoj Heinrichs; 27. Süsstrunk; 28. F-inoj Spindler; 29. S-roj D-ro Ulle; 30. Bürstell; 31. Bonath; 32. Ramisch; 33. F-inoj Eymes; 34. Wolf; 35. Vogel; 36. Kellerbach; 37. H. Denecke; 38. S-roj Rohl; 39. Wuttke; 40. F-ino E. Denecke; 41. S-ro W. Prey; 42. F. J. S. Michaelis; 43. M. Wahrenholz; 44. M. V. Baussen; 45. H. Brocke; 46. N. Süsstrunk; 47. S-ro G. Süsstrunk; 48. F-ino Bonath; 49. S-roj F. Bonath; 50. Herzberg; 51. F-inoj Ehrhardt; 52. Herzog; 53. S-ro R. Hesse; 54. F-inoj Basch; 55. Lange; 56. S-ino Hesse; 57. F-ino Krentzlin; 58. S-roj Reith; 59. Kahso; 60. F-inoj Tager; 61. Schulze; 62. S-roj Daenert; 63. Ciesilski; 64. S-ino J. Birnbaum; 65. F-ino Muths; 66. S-roj Matuschke; 67. A. Hellige; 68. Hensel; 69. F-ino Augusta; 70. S-roj H. Behrendt; 71. K. Schmidt; 72 F-ino E. Schmidt; 73. S-ro P. Dietrich; 74. S-ino Rieke; 75. F-ino E. Dittmar; 76. S-roj Hertel; 77. Barnack; 78. A.-F. Distberner; 79. E.-F. Speck; 80. G. Bivar Pinto Lopez; 81. F. Rockmann; 82. F. Schulenburg; 83. Florin; 84. F-ino Jakob; 85. S-ro Wottrich; 86. F-ino A. Daenert; 87. S-ino A. Stark; 88. S-ro A. Sauerbrey; 89. F-ino H. Liebau; 90. S-ro A. Poschkowitz. ........ *Tuta sumo*: 90.

CHOLET (44.18.1). — SD. S-ro TÉTAUD. — 1. S-roj G. Tétaud; 2. M. Bordier. ........ *Tuta sumo*: 2.

CAEN (44.22.2). — D. S-ro H. LAISNEY. — 1. S-roj H. Laisney; 2. E. Spicq; 3. S-ino Spicq; 4. P. Brument; 5. P. Blin; 6. S-ino Blin; 7. S-roj J. Fresnel; 8. A. Anne; 9. J. Lemoine; 10. Salley; 11. R. Biard; 12. Lietot; 13. Chantepie; 14. F-ino Gouget; 15. S-roj J. Leroulier; 16. Tanquerel; 17. F-inoj G. Martin; 18. Lesage; 19. S-roj E. Voland; 20. G. Lefrançois. ........ *Tuta sumo*: 20.

LE HAVRE (44.25.1), — D. S-ro de CONINCK. — 36. F-inoj A. Edouard; 37. L. Legrand; 38. S-ro H. Gueroult. ........ *Tuta sumo*: 38. *Hodiaŭa sumo*: 3.

CALAIS (44.27.1). — S-ro G. DEMAGNY. — S-roj G. Demagny; 1. G. Perrin; 2. S-ino L. Leleu; 3. S-roj A. Delamoy; 4. L. Denut; 5. H. Cuvelier. ........ *Tuta sumo*: 6.

LILLE (44.281). — D. S-ro L. TRONQUEZ. — 1. S-roj G. Barat; 2. S. Bocquet; 3. A. D'Halluin; 4. E. Depondt; 5. H. Wateriot; 6. V. Wicart; 7. L. Tronquez. ........ *Tuta sumo*: 7.

PARIS-NORDO (44.36.11). — D. S-ro E. ROBERT. — 21. S-roj D. Robert; 22. J. Fisher; 7. L. Leroy; 22. F-ino A. Stribick; 24. S-roj V. Polgar Politzer; 27. E. Boudret; 29. A. Guillemin; 37. Ch. Marseille; 41. F-ino Gérard; 44. S-roj P. Levassort; 53. P. Bénassy; 57. H. Leboucher; 74. H. Favet; 75. Ch.-M. Ehm; 78. E. Sandrin; 79. M. Vanel; 84. P. Courcol; 131. S-ino Hamburger; 132. S-roj M. Bousendorfer; 133. V. Serreau; 134. L. Cramoisy; 135. E. Burgand; 136. M. Harchenburger; 137. S-ino A. Guillemaud; 138. S-roj P. Guillemaud 139. A. Gilbert; 140. F. Blangarin; 141. A. Leclerc; 142. H. Heriemont; 143. H. Gourmond; 144. Saltens; 145. A. Dallet; 146. A. Leblanc. *Tuta sumo*: 48. *Hodiaŭa sumo*: 33.

| | |
|---|---|
| Antaŭaj listoj | 1.606 |
| Sumo de la 7ª listo | 402 |
| Sumo | 2.008 |



## I. Kongreso de Bohemaj Esperantistoj

arangata de

CENTRA ASOCIO DE BOHEMAJ ESPERANTISTOJ

BOHEMA UNIO ESPERANTISTA

(B. U. E.)

OKAZOS EN PRAHA

26, 27, 28, IX 1909

Fremdlandaj samideanoj revenantaj el kongreso Barcelona ne forgesu viziti nian kongreson. Ĉiuj kore invitataj.

Kongresa adreso: PRAHA-I-342. Esperanta Kafejo-Union.

# Grava Avizo

**Ni informas ĉiujn personojn kies abono finiĝis kaj kiuj ne informis nin pri sia intenco ne reaboni, ke ni enkasigos la abonmonon per la poŝto, aldonante la poŝtelspezojn. Ni kore petas, ke oni bonvolu favore akcepti la diritan poŝtrepagojn kaj daŭrigi al ni sian necesegan apogon.**

**ESPERANTO.**

*Administranto*: L. ROYER.
*Presejo* X. DEVICHI.

# Esperanto-Movado

**Anglujo.** Novaj grupoj formiĝis en Portsmouth, Stock-on-trent, Mirfield kaj Charing Cross (Londono). Multaj paroladoj en diversaj urboj: D-ro Pollen en la « Athenaeum » (en Richmond, Londono), S-ro A. Haddock antaŭ la Nordlondona Loĝio de teozofia societo, S-ro A.-J. Hulm antaŭ la Literatura Societo de Wimbledon (Prezidis la urbestro, kiu post la parolado demandis, ĉu iu, kun li mem, dezirus sekvi la komencotan kurson; la plej multo de ĉeestantaj sin enskribis) S-ro H. Bolingbroke Mudie en la « Akcepta-Festo » de Esp. Vagabonda Klubo (Brighton and Hove), S-ro J. Potter antaŭ la Literatura kaj Debata Societo (Derby), S-ro W. Carey Freeman antaŭ la « Vaughan Working Men's College Literary and Debating Society » kaj ĉe la « Christian Endeavour Society » (Leicester), S-ro Sharpe en la Unity Hall (Torquay), S-ro J.-C. O'Connor en (Morecambe), S-ro R. Meczyk antaŭ la « Juda Sociala kaj Literatura Societo » (Londono), S-ro J. Hanson antaŭ la loka K. U. J. V. kun lumbildoj S-ro J. Knight-Waston ĉe kunveno de Froebel'a Asocio (ambaŭ en Bedford), S-ro E. Privat en Norvich, S-ro A.-T. Bott antaŭ la literatura sekcio de loka « Science Society » (Reading), S-ro M. Pearson antaŭ la « Upper Chapel Religions and Etical Society » kaj antaŭ la « Fulwood Social Guild » (Sheffield), k. c. En multaj lokoj tre fervore propagandas nia gajiga samideano S-ro Harrison Hill per siaj allogaj Esperanto-Kantoj. Li meritas la titolon « Esperanta Trubaduro ». En tre multaj urboj sukcesaj kursoj, festoj, ekskursoj, k. t. p. La gazetaro ĉiam favore parolas pri Esp-to, la oficiala mondo simpatias nian aferon.

En **Skotlando,** niaj tre agemaj samideanoj decidis daŭrigi la propagandon eĉ dum la somero kaj preparas sin por la Barcelona Kongreso. Dum la pasinta sezono la *Edinburga Esp-Societo* varbis 150 novajn membrojn, kondukis 14 kursojn, multaj gelernantoj sukcese plenumis la unuagradan ekzamenon de la B. E. A., 40 diplomitaj Edinburganoj. Paroladoj: S-ro Kristin Breim al Rekiavik pri Islando, S-ro Kirkland pri sia vojaĝo tra Bretonujo (kun lumbildoj), S-ro Wilson pri Hispanujo kaj la kongresurbo. En la jarkunveno estis elektitaj: S-ro J.-M. Warden, prez. F-ino E.-J. Muir kaj S-ro James Ford, vic-prez., S-ro W.-M. Page, sekretario, k. c.

En Glasgovo S-ro John C. Scott (reelektita prezidanto) faris tre interesan paroladon kun lumbildoj « Antikva Egipto » laŭ la verko « La Faraono », kiu instigis multajn legi tiun ĉi interesplenan libron de Pola verkisto B. Prus, tradukitan de nia plej bona stilisto, D-ro Kabe Oni povas konstati progresojn de Esp. en la urboj Leith, Paisley, Leven (Fife), Perth k. al. En la lasta urboj aperis novaj grupoj kaj en Perth ankaŭ en marto aperis la unua numero de litografita Esp. gazeteto « La Skota Standardo » redaktita de S-ro G.-A. Brown (J. Windsorterrace, Craigie, Perth).

En **Irlando** ekzistas Grupoj en: Belfast, Dublin, Carrick-on-Suir, Limerick, Nervtoronbarry kaj Portrush. En urbo Dublin disvolvas tre energian propagandon D-ro G. Jameson-Johnston. Okaze de kunveno de la Biologia Asocio de l' Dublina Universitato li faris paroladon antaŭ la Inĝeniera Lernejo de Trinity Kolegio antaŭ la granda sciencula aŭskultantaro pri « La Rilatoj inter Esperanto kaj la Science », aŭskultita de la ĉeestantoj kun plej viva intereso. La sama D-ro G. J.-J. paroladis ankaŭ antaŭ la kuracanta stabo en la Reĝa Hospitalo, en aprilo li denove parolis (kun lumbildoj) antaŭ la Irlanda Asocio de Flegistinoj, sub la prezido de F-ino Lamont, Estrino de la Jubileaj Flegistinoj de l'Reĝino. Nun li daŭrigas sian propagandon ĉe aliaj gravaj kluboj kaj institucioj. La gazetaro favore atentas kaj raportas pri ĝi.

**Britaj Kolonioj.** Nova Grupo fondiĝis en Port Louis (Mauritius). En la Borso okazis la ĉiujara kunveno de « Gibraltar Esperanto Society ». Tiu societo kore invitas la Esp-tojn ŝipvojaĝantajn al la Vª Kongreso, promesante plenkoran entuziasman akcepton.

⁂ **Germanujo.** Niaj Germanaj samideanoj tre ageme sin preparas al la *Kvara Nacia kongreso en Gotha*, 20-23 de Majo, sub la alta protektado de *Lia Herzoga Moŝto Carl Eduard von Sachsen-Coburg kaj Gotha*. La diversspeca programo de la kongreso promesas tre multedajn tagojn en Gotha kaj bonan sukceson.

Generale oni povas diri, ke Germanujo rajte fariĝis unu el plej gravaj landoj de nia movado; ĝi sukcese konkuradas kun Francujo kaj Anglujo. La lasta Nº 5 (63) de Germana Esperantisto enhavas informojn el la 42 germanaj urboj, kie oni vigle laboras por la progreso de Esperanto jen per publikaj paroladoj, jen per festoj, koncertoj, teatraĵoj kaj aliamaniere. Multaj kursoj elementaj kaj superaj donas novajn kadrojn de samideanoj, aperas novaj grupoj kaj societoj. La gazetaro pli ofte favore parolas pri Esperanto, kiu altiras la atenton de oficialaj sferoj. En Danzig S-ro ĉefinĝeniero Prehn citis dum sia parolado pri la vortojn de germana imperiestro: « La multlingveco estas grava malhelpo por la progreso ». La konkludo estas komprenebla per si mem, ke lingvo internacia estas necesa. La estro de Ruĝa Kruco aprobis la instruadon de Esp. por ĝi en Germanujo; la Direktoro de realgimnazio kaj reala lernejo en Grossenhain en sia jar-raporto atentigas pri la grandaj profitoj de Esperanto; li rekomendas aldonon de esperanta klaso por la superaj lernejoj. Multaj laboristaj kaj socialistaj gazetoj komencis studi nian lingvon. Pli ol 60 oficistoj de « Sachs-Bohm. Dampfschiffarts Gesellschaft » ankaŭ lernas Esp. En sciencaj rondoj oni ankaŭ pli ofte komencis atenti nian movadon. En aprilo en Berlino estis grava kunveno de plej eminentaj Esp.-toj sub la prezido de D-ro Mybs. La temojn kaj la decido de tiu ĉi kunveno estos anoncitaj dum la kongreso en Gotha.

⁂ **Aŭstro-Hungarujo,** kiu konsistas el tiom de diverslingvaj popoloj ĝis nun ne prezentis kontentigajn sukcesojn de nia movado. Nur la Bohemoj jam delonge laboras por nia afero. Inter ili estis kelkaj tre agemaj kaj sendacaj samideanoj jam de unuaj jaroj de nia movado, kiuj sendube tre kaj sindoneme laboris por nia afero. Dank'al ili nun Esperanto tre forte staras kaj sukcese progresas en Bohemujo. La Bohemoj estas konataj fideluloj de Zamenhofa fundamento kaj jaluze gardas ĝin kontraŭ iaj ajn reformemaj provoj.

Multaj samideanoj, kiuj havis la plezuron viziti la belan Praha antaŭ aŭ post la Dresdena kongreso povis konstati la bonajn sukcesojn, atingitajn de niaj Bohemaj amikoj. En Praha niaj gesamideanoj faras tre bonan impreson per sia flua, bonstila esperanta interparolo. Ankaŭ la du jurnaloj *Bohema Esperantisto* kaj *Časopis Českých Esp.* estas inter la plej tre bone gvidataj. En Budapest, ĉefurbo de Hungarujo, nia lingvo ankaŭ trovis amikojn multajn jarojn antaŭe; bedaŭrinde la movado tie baldaŭ haltis por longa tempo kaj nur en ĝi komenciĝas denove sufiĉe vigle Estis organizita « Hungara Esp. Societo », kies oficiala organo estas la aperinta en Marto nova jurnalo « Hungara Esperantisto »; Studenta Grupo, kiu eldonas la jurnalon (litograf) « La Pioniro »; la jam ekzistinta jurnalo « La Verda Stelo » (1) pligrandiĝis. Estis fondita ankaŭ « Kuracista Esp. Grupo », kiu klopodas pri Esperanto kaj pri Esp.-Kuracistoj dum la okazonta en Budapesto (en Aŭgusto) de « XVIª Internacia medicina Kongreso ». Ni povas komuniki, ke dum tiu ĉi grava kongreso kelkaj kuracistoj el diversaj landoj faros siajn sciencajn raportojn en Esperanto, La komitato de la kongreso oficiale akceptis Esperanton kaj ponis al la kuracistoj-Esp. apartan ĉambron por iliaj specialaj kunvenoj. Dank'al la energia laboro de Prof. Joh. Medgyesi kaj liaj amikoj, paroladoj granda nombro de hungaraj gazetoj presis propagandajn artikolojn. Same en Versec post la publika parolado de Prof. Paŭlo Tholt. En la germanlingva parto de Aŭstrujo, precipe en Vieno niaj samideanoj faras propagandon kaj eldonas la jurnalon « Informaj Raportoj ». D-ro J. OSTROVSKI.

(1) Ni devas konfesi, ke la titolpaĝo de tiu ĉi revuo kun dek tri (fatala nombro) adjektivoj kun la aldono « 12,000 ekz. ! » kaj « En ĉiuj eŭropaj lingvoj » faras malbonan impreson. Pri la enhavo ni parolos aliam fojon.

# PRI LA KVINA KONGRESO

Ĉio sin montras favora al nia afero. La Urbestrara kunveno decidis doni la kvanton da 2.500 *pesetoj* al la Komitato de la Kongreso por ke ĝi eldonu kvidlibron ilustritan de Barcelono, kaj lasis ankaŭ ke post venonta kunveno fiksi la monhelpon per kiu kunhelpi la spezojn de la Kongreso. Tamen ĉio atendigas ke la sumo estos rimarkinde grava. Ankaŭ oni cedis la palacon de belaj artoj por la esperantistaj kunvenaro.

La reĝo Alfonso XIII akceptis la titolon de *Alta Protektanto de la Vª Kongreso*, kune kun aliaj gravaj hispanaj personoj. Kiel jam scias niaj legantoj ankaŭ lia Majesta Moŝto donos premion por niaj Floraj Ludoj. Tiuj ĉi *Floraj Ludoj*: S-ro. C. Bourlet kaj Barono F. de Ménil de Paris venis Barcelonon por ĉeesti la festo de la katalunaj Floraj Ludoj por ĝin kataplan ideon por ĝia arangado. Afable oni ricevis ilian alvenon, estis preskaŭ cent esperantistoj kun iliaj ĝrupaj standardoj en la stacidomo por akcepti ilin kaj la ĝentileco de la Organizantoj de la Floraj Ludoj Katalunaj, estis sufiĉa por ke niaj famaj samideanoj konatiĝu iliajn specialajn vojojn. Post la festo okazis festeno en la « Mundial Palace » por honori S-ron Bourlet kaj F. Ménil, en kiu ĉeestis pli ol cent samideanoj. Dum la intermanoj de la muziko ludis esperantistan dancon « La Rondo » alternanta kun katalunaj dancoj nomitaj « La Sardana » finante la festeno per la Esperanta himno « La Espero » kantita piedestante de la tuta ĉeestantaro. Rimarkindaj estis la paroladoj de S-roj Bourlet, de Ménil, Pujula, Bremon, Rosa kiuj meritiĝis grandajn aplaŭdadojn.

S-ro Bourlet faris dum sia vizito kelkajn paroladojn ĉe la plej gravaj societoj el Barcelono. Li ankaŭ vizitis la urbestraron kiu lin akompananto.

Tiu rimarkinda movado aŭguras gravege sukceson kiun certe atingos ĝis nun ni ne atingis.

## KVINA KONGRESO DE ESPERANTO

**Barcelono, 5-11 Septembro 1909**

### ALIĜILO

Mi petas la direktoron de ESPERANTO, ke li mendu de la organiza komitato de la Kvina Internacia Esperantista :

I

______ Karto(j)n de Kongresanoj : ______ ₷
4 ₷ por ĉiu karto)
______ biletoj por septaga loĝado kaj manĝado, nome
______ biletojn de klaso A (po 14 ₷)
______ biletojn de klaso B (po 21 ₷)
______ biletojn de klaso C (po 35 ₷)

II

______ dekojn da poŝtkartoj n-ro 1 (Katalunulino) (po 22 Sd)
______ dekojn da poŝtkartoj n-ro 2 (floraj Ludoj) (po 42 Sd)
______ centojn da kongresaj markoj (po 20 Sd)
______ broŝurojn « La Rondo », danco Esp. (po 12 Sd)
______ standardojn Esperantajn (po 40 Sd)
______ standardojn ______ (po 80 Sd)
______ ekzemplerojn de la traduko « *Mistero de Doloro* » (80 Sd)

Mi deziras, ke ĉio supre mendita estu sendita per *rekomendita* poŝto, kaj tial mi aldonas 10 Sd.

Entute mi ĉi-kune sendas per poŝtmandato aŭ ĉeko la *sumon* da ______ kaj mi petas, ke oni sendu ĉion supre menditan al la jena adreso :

*Nomo :*

*Lando, urbo :*

*Strato :*

Subskribu,

*Legeble plenigu tiun mendilon, detranĉu ĝin kaj sendu ĝin kun responda mona* al ESPERANTO, 8, rue Bovy-Lysberg, *Genève* (Svis.).

Grava Avizo : La poŝto ne akceptas poŝtmandatojn por Hispanujo.


*Administranto :* L. ROYER.
*Presejo* X. DEVICHI.

*Le Gérant* : L. ROYER.
Imprimerie X. DEVICHI, Chalon-s-S.